# Kara leganto!

Pasis la dua jaro de nia dua periodo. Ĝi ne estis facila, vi ja scias kaj mem dolore spertas, ke la krizo alprenis nekredeblajn dimensiojn. Inter tiaj cirkonstancoj ni povas esti kontentaj, ke ni povis vivteni la gazeton kaj certigi ĝian ekziston por la sekva jaro, eĉ ni povis, malgraŭ ke la nombro de abonantoj malkreskis 15%-ojn, malpliigi nian deficiton ĝis 500 sv. fr.

Bedaŭrinde ni ne povis plenumi nian promeson, ke ni donos 24-paĝan revuon. Sed ties kaŭzo estis ministra ordono, limiganta la amplekson de ĉiuj gazetoj kaj revuoj hungarlandaj. Post ĝia nuligo ni tuj ĝoje reprenos la antaŭan amplekson.

Nia eldona fako devis prokrasti la aperigon de kelkaj projektitaj libroj, sed ankaŭ tiel ĝi vigle laboris: aperis la novelaro: *Trans la Fabeloceano* de *Szilágyi*, la romano: *Homoj sur la tero* de *Stellan Engholm*, la literaturaj studoj: *De paĝo al paĝo* de *Totsche*, la poetika faklibro: *Parnasa Gvidlibro* de *Kalocsay* kaj *Waringhien*, la *Romaj Elegioj* kaj *La Taglibro* de *Goethe* en la traduko de Kalocsay. La taglibraj notoj de *Sturmer*, la *Verda Biblio* de *Lejzerowicz*, kaj la aliaj projektitaj eldonoj restis por la nuna jaro.

Parolante pri ĉi tiu jaro, antaŭ ĉio bedaŭre ni sciigas niajn legantojn, ke unu el niaj ĉefredaktoroj, *Julio Baghy*, abdikis pri sia posteno. Niaj sinceraj klopodoj por lin persvadi pri la aliigo de sia decido estis senrezultaj, malgraŭ ke ni estis pretaj konsideri ĉiujn liajn principajn postulojn pri la redaktado de la gazeto. Liajn motivojn ni nek volas, nek rajtas konigi aŭ komentarii, al ni restas nur la dolora konstato pri lia ŝajne neŝanĝebla decido, kaj la espero, ke kun la paso de la tempo li eble liberiĝos sin de ĉi tiuj motivoj. Nia revuo ĉiam ĝoje akceptos lian nomon denove sur sia kaploko, kaj nun sincere kaj tutkore lin dankas pro liaj ĝisnunaj klopodoj kaj fervora kaj valora laboro. Li promesis, ke la rubrikon *Mia Angulo* li daŭrigos ankaŭ en ĉi tiu jaro.

Por ekscii la specialajn dezirojn de niaj abonantoj, ni aranĝis voĉdonadon. Voĉdonis nur 95 legantoj, do eĉ ne 15% de la abonantoj.

Koncerne la titolpaĝon venis 38 voĉoj por nro 2., 35 voĉoj por nro 3. kaj 22 voĉoj por nro 1. Multaj estis entute nekontentaj pri la projektoj. Ni tion bedaŭras, sed ni ne sentas nin kulpaj, ĉar sufiĉe frue ni anoncis tute liberan konkurson. Por havi ankoraŭ pli da tempo por 1934, jam nun ni malfermas la konkurson. Al la gajninto ni pagos 30 sv. fr. — se ne multe, tamen iom.

Bedaŭrinde el la 95 balotintoj 47 nenion diris pri la enhavo de la gazeto, do ni povus pensi ke ili estas kontentaj.

Aliaj ĝenerale riproĉis neologismojn kaj nudajojn de ilustraĵoj. Kvankam kelkaj rekte deziras ilin, tamen la grandan plimulton ni devas konsideri. Kelkaj malŝatas tro multe da poezio, nur du deziras eĉ pli multe. Multaj deziras preskaŭ ekskluzive originalaĵojn (deziro bedaŭrinde ne plenumebla provizore). Kelkaj deziras pli da teksto kaj malpli da bildoj; kelkaj havas malan deziron; ni klopodos nin teni mezvoje. Nepre pravaj estas la mallaŭdantoj de preseraroj: ni devas pli energie batali kontraŭ ili. Kelkaj deziras romanon en daŭrigoj: ni eble provos tion dum la jaro. La plejmulto ŝatas recenzojn, observojn, priliteraturajn artikolojn: ĉi tiujn ni plimultigos kaj plivariigos. Neplenumeblaj, parte strangaj deziroj: infanliteraturo, muziknotoj pri hungara muziko cigana, fako de humuro, ktp.

Jen la bilanco de la voĉdonado, kies konsekvencojn ni prenis en la suba decido:

a) La redakcio, kvankam iagrade kontraŭ sia konvinkiĝo, pli severe atentos pri la uzo de neologismoj. Tute sin ligi al la oficiala vortprovizo aŭ al la vortoj de la Plena Vortaro ĝi ne povas, sed neologismojn ĝi toleros sole en poemoj, aŭ en tia prozo, kiu estas kvazaŭ poemo en prozo, se la aŭtoro ne volas pri ili rezigni. El aliaj tekstoj ĉiujn vortojn ne troveblajn en la Plena Vortaro ĝi forstrekos kaj anstataŭigos. Ĉiujn poeziajn vortojn ĝi klarigos je la fino de la revuo. Do de nun ĉiu neklarigita vorto estas elserĉebla el la Plena Vortaro;

b) ĝi maloftigos la ekspresionismajn kaj nudajajn bildojn kaj plioftigos, se eble, la klasikajn;

c) ĝi plioftigos la muziknotojn, plimultigos la interesajn literaturajn observojn;

d) ĝi komencos serion de artikoloj pri esp-istaj verkistoj kaj Esperanta literaturo (ĝis nun estas petitaj la jenaj artikoloj: *R. Banham* pri *Bulthuis; Waringhien* pri *Vallienne* kaj *Kabe; B. Johnson pri Luyken* kaj *Hyams; Totsche* pri *Schulhof;*

e) ĝi klopodos publikigi intervjuojn kun niaj verkistoj kaj ankaŭ kun famaj verkistoj naciaj;

f) ĝi prezentos la gravajn esperantistojn ankaŭ bilde;

f) ĝi plioftigos la ŝercan literaturon pri nia movado;

h) ĝi entute plioftigos la humuron;

i) ĝi klopodos plioftigi originalaĵojn;

j) ĝi plimaloftigos la poemojn; ili ne okupos pli ol 10—15% de la teksto;

k) ĝi plivastigos la recenz-rubrikon, sed ĝin donos en aparta kvaronjara Bibliografia Gazeto, kiun ĉiuj abonantoj ricevos kiel senpagan aldonon. En L. M. restos nur bibliografia rubriko por mencii ĉiujn eldonaĵojn. La recenzoj do estos multe pli longaj kaj ĝisfundaj;

l) ĝi enkondukos la rubrikon *Lingvo*, en kiu K. Kalocsay respondos pri ensenditaj prilingvaj demandoj, se estos por ĝi daŭra intereso.

Ni petas vin, bonvolu afable kaj bone memori tiujn ĉi gvidprincipojn. Ni estus tre ĝojaj kaj feliĉaj, se vi povus proponi vian kunlaboron por unu el la supre anoncitaj rubrikoj kaj fakoj, kaj ni estus eĉ pli kontentaj, se vi bonvolus afable sendi al ni viajn rimarkojn koncerne la suprajn principojn por eventuala plibonigo kaj variigo de la revuo.

La eldona fako de nia revuo faras ĉi-jare grandan kaj multpromesan paŝon per la fondo de la Asocio de Esperantaj Libroamikoj (AELA). Ses ampleksaj libroj, aĉeteblaj per bagatela prezo pagebla ankaŭ en partoj, estas tial senekzempla okazo en la historio de la Esperanta libro-eldono, ke ĝi ne povas resti sen grava efiko al la legemigo de l' publiko kaj per tio ankaŭ al la evoluo de la Esperanta literaturo. La detalan planon konas ĉiuj niaj legantoj, ni do ne bezonas ĝin pli vaste konigi ĉi tie. Ni atentigas nur pri tio, ke la anoj de AELA rajtas ŝanĝi laŭplaĉe kiun ajn libron de la plano je alia eldonaĵo. Krome ni ĉiujare demandos la anojn pri la kunmeto de la sekva-jara programo de AELA kaj tiel nia publiko povos legi vere tiajn verkojn, kiajn ĝi pleje ŝatas kaj deziras.

Ĉi tie ni mencias, ke al la supra punkto *a*. (pri la neologismoj) ni klopodos nin teni ankaŭ en la eldonaĵoj de AELA, eĉ se ni eble ne ĉiam sukcesos esti same severaj, ĉar kompreneble ĉe libro, pri kiu la solan respondecon havas ĝia aŭtoro, la eldonanto ne ĉiam povas trudi siajn vidpunktojn. (Multrilate tio eĉ ne estus dezirinda.) Sed ni nepre klopodos *bridi* kaj ni nepre postulos *klarigon* de ĉiu nova vorto.

Krom la libroj de AELA nia eldonfako eldonos ankaŭ aliajn librojn, antaŭ ĉio tiujn, kiuj prokrastiĝis de la antaŭa jaro.

Esperante, ke nia kunlaborado en la nova jaro donos eĉ pli bonajn fruktojn por la Esperanta literaturo ol ĝis nun, kaj dezirante al vi prosperon, feliĉon, ĉion bonan en la nova jaro, salutas vin

amike via:

*Literatura Mondo.*

# EVOLUO DE ESPERANTO

— E. Grosjean-Maupin —

La koncepto pri EVOLUO propre apartenas al la biologiaj sciencoj, t. e. al la sciencoj, kiuj pristudas la vivantajn estaĵojn. En ceteraj sciencoj, kaj aparte en lingvistiko, la vorto *evoluo*, same kiel la vortoj *organismo* aŭ *vivanta*, povas esti uzata nur metafore kaj ricevas sian ĝustan kaj precizan sencon nur kompare al sia malo *revolucio*. Dum *revolucio* estas ia abrupta, rapida kaj detrua transformiĝo en ia organizaĵo, *evoluo* estas vico da malrapidaj iompostiomaj ŝanĝiĝoj, konformaj al la naturo de la objekto kaj al la vivbezonoj. La karakterizo de ĉia evoluo estas modifiĝo de tio, kio ekzistas, sed modifiĝo poŝtupa kaj supraĵa, ne tuŝanta la esencajn ecojn. Ĉiuj vivantaj naciaj lingvoj evoluas, ĉar tio, kion oni nomas vivanta lingvo, estas lingvo efektive praktike uzata kaj kies normala evoluo estas certigata per interkonsento de opa sufiĉe multnombra kolektivo da uzantoj. Samo okazas pri la internacia lingvo Esperanto: »Ĝi devas, asertas Zamenhof, kreski kaj progresi laŭ la samaj leĝoj, laŭ kiuj estis ellaborataj ĉiuj vivaj lingvoj.« Kaj la faktoj plene pravigis la Zamenhofan koncepton.

La evoluo de Esperanto efektiviĝas per jenaj procedoj: 1) Analogia kaj logika utiligo de ĉiuj eblaĵoj, kiuj estas entenataj en la strukturo de la lingvo kaj en ĝia fleksebleco, sed kiujn oni antaŭe ne atentis. Precipe rimarkinda estas la vasta uzado de diversaj afiksoj kiel memstaraj vortonaskaj radikoj (*eta, etulo, etburĝo, etskale, ega, egeco, eke, eki, fora, foreco, fia, fiulo,* k. t. p.)

El tiu ĉi utiligo de la kaŝitaj eblaĵoj sekvas ankaŭ la forlaso de kelkaj malpermesoj, kiuj estis nuraj naciismoj senkonscie akceptitaj dum la unuaj periodoj sed kontraŭaj al la logiko. Ni citu la malpermeson pri uzo de infinitivo post *sen*, aŭ pri uzo de akuzativo post *ĉe*, aŭ ankaŭ la mallarĝan kaj senutilan uzadon de *po*. Oni povas ankaŭ konjekti, ke kelkaj dubaj formoj kiel *kelkiu, multiuj, alies, antaŭ ke, post ke, post ol, sama ol, iŝi, end* k. t.p., ĝis nun apenaŭ uzataj kaj ankoraŭ ne kontrolitaj de la vivo, eble pli poste estos akceptataj.

2) Generala emo al plej mallongaj formoj, kiel *iĝi* anstataŭ *fariĝi, ĉi* anst. *Ĉi tiu, aŭto* anst. *Aŭtomobilo, fora* anst. *Malproksima, eta* anst. *Malgranda;* precipe rimarkinda estas la forlaso de la internaciaj sufiksoj *aci, ici, uci,* (pli konforma al la instruoj de la Fundamento estus la nura forĵeto de i: Ekz. *Apelaco etburĝo, etskale, ega, egeco, eke, eki, fora, foreco, fia,* k. t. p.

3) Modifo de la signifo de kelkaj radikoj ĉu per plilarĝigo aŭ metaforigo ĉu per malplivastigo kaj pliprecizigo. Ekz.: *Agiti, agordo, angoro, apogi, aroganta, embaraso, ĝentila, komponi, konfuzi, konsenti, neta, prudenta, planto, svati, torento, trakti* k. t. p. Oni devas ne konfuzi tiajn akcepteblajn plilarĝigojn aŭ pliprecizigojn de signifo kun iaj signiforenversoj tute kontraŭaj al la Fundamentaj difinoj, kiel uzo de *domaĝi* kun la senco *difekti.*

4) Sed la evoluo de Esperanto konsistas precipe en la plimultiĝo de la radikaro. Dum longa periodo tiu ĉi plimultiĝo estis malrapida kaj poioma, sed poste la verkantoj pli kaj pli kutimiĝis enkonduki konstante kaj amase tiel multajn novajn radikojn, ke estus nesingarde konsideri tian torentan inundon kaj senĉesan ŝveliĝon kiel normalan sendanĝeran evoluon de la lingvo.

Certo estas, ke Esperanto, same kiel ĉiu ajn kulturlingvo, devas kapabli kontentigi la bezonojn de la artisma literaturo. Tamen ni ne forgesu, ke malplejmulto lernas Esperanton pro artismaj celoj kaj ke en la beletro kaj la poezio ne kuŝas la ĉefa utileco de lingvo internacia, kies precipaj esencaj kvalitoj nepre estas kaj restos simpleco kaj facileco. La beletristoj ne troigu siajn postulojn. Ne nur enkonduko de senutilaj duoblaĵoj, de jam ekzistantaj vortoj estas evitinda kaj anstataŭo de *malhelpo, ŝati, malŝpari, esti permesata, malĝoja, malmola, kompatinda* per la neologismoj *obstaklo, aprezi, disipi, lici, trista, dura, povra* ne estas pliriĉigo sed plibalastigo kaj plikomplikigo de la vortaro, sed ankaŭ trosubtila nuancigo de la lingvo kaj pretendo rekte traduki per aparta vorto ĉiun ajn apartan vorton de ĉiu nacia lingvo ne estas, eĉ laŭ artisma vidpunkto, aprobinda. »Se en Esperanto, skribis prave nia bedaŭrata prezidanto *Cart*, ni volas esprimi ĉiujn nuancojn de la homa sento kaj de la homa penso, kiujn cetere tradukas plensukcese neniu el niaj naciaj lingvoj, certe nia lingvo fariĝos pli riĉa ol iu ajn alia, sed samtempe tiel malfacila, ke ĝi ne atingos plu sian klare difinitan ĉefan celon: esti komuna internacia komprenilo por la popoloj. Ĝian socian rolon submetos la beletristika rolo, kiun oni ne rajtas malŝati, sed kiu tamen devas resti flanka; ornamaĵo tre dezirinda, sen ia dubo utila, sed ne esenca.«

Ni do daŭrigu permesi, ke ĉiu povu libere proponi novajn terminojn aŭ formojn, kiujn li bezonas aŭ kredas bezoni, sed ni ne akceptu ĉion ajn tro facile kaj senkritike. Ni akceptu nur la novaĵojn necesajn kaj konformajn al la bezonoj de la uzantoj; plie, ni konsideru tiujn novaĵojn kiel definitivajn nur post kiam ili estos kontrolitaj kaj kribritaj de la vivo kaj ankaŭ oficiale konfirmitaj de la *lingvaj institucioj*, supera aŭtoritato registranta la efektivan lingvan evoluon.

La evoluo, t. e. la sorto de Esperanto kuŝas, kiel diras la Deklaracio de la Akademio, en la manoj de la Esperantistoj. Tiu ĉi evoluo povas esti normala kaj sendanĝera nur se ĉiuj Esperantistoj komprenas kaj plenumas sian devon, submetante sin al memvola disciplino, se ĉiuj recenzistoj montras laŭcelan severecon, kaj se ĉiuj gazetistoj kaj verkistoj atentas ne nur siajn proprajn lingvajn bezonojn kaj facilecojn, sed ankaŭ la ĝeneralajn superajn interesojn de la movado.*

* La eldonejo de Literatura Mondo certe faris al nia afero tre grandan kaj dankindan servon aparte publikigante fakan poezian terminaron. (Kalocsay kaj Waringhien, Parnasa Gvidlibro 1932.) La publikigo estos tre oportuna kaj utila por niaj poetoj kaj beletristoj, kaj la apartigo treege akcelos la ĝeneralajn interesojn de nia lingvo kaj de nia propagando, senbalastigante la komunlingvan vortaron kaj faciligante la taskon de la vortaristoj kaj de niaj Lingvaj Institucioj. (E. G. M.)

# La familio Tomčík

— J. C. Hronsky —

Ili estis naŭ: Tomĉik, Tomĉiĉka* kaj sep infanoj.

Tomĉik ellernis la muelistan metion, sed fininte la lernadon li konstatis, ke li ne posedas muelejon nek ĝin iam posedos. Estante konfuzita li pretigis tablon, kiu havis kvar piedojn kaj krucoforman piedapogilon kaj ornamitan tirkeston.

Tio lin ĝojigis.

Li komencis lignaĵisti, li faradis tablojn ordinarajn, kvarpiedajn. Kaj kiaj poste sekvis, kiajn li mem elpensis! Ĉiu laboro ĝojigis lin dufoje: unu fojon, kiam ĝi estis preta, kaj la duan, kiam oni pagis al li almenaŭ duonon de la interkonsentita prezo. Tomĉik estis ja entute tia, ke li pri ĉio ĝojis. Pri tio, ke li edziĝis, kaj pri tio, ke naskiĝis infanoj, kaj ke la suno brilis, kaj ke la infanoj havis ion por manĝi.

Li estis tia patro, pri kia diras la rakonto, ke li iam akiris sep groŝojn kaj tutan nokton ne dormis, ĉar li dumnokte kalkulis, ke tiom da mono en lia hejmo ankoraŭ ne estis, nek iam plu estos, kaj se li ĝin dividus, ĉiu infano ricevus groŝon. Kaj dum la tuta nokto li ne dormis, laŭte li ridetis, fine li eĉ pensis tiel laŭte, ke vekiĝis la infanoj, aŭdis, pri kio temas, kaj tuj matene petis la patron, ke li dividu. Kion li havis, li dividis, sed vespere ne estis manĝo, la infanoj volis nur manĝi, sed ne redoni la groŝojn. Ili do tiam ne vespermanĝis, nur matene ili sin satigis kaj ĉiuj ĝojis, ke ili ŝparis unu vespermanĝon.

Tia estis Tomĉik.

Kaj Tomĉiĉka — eĉ kun lanterno se oni serĉus, oni ne trovus pli taŭgan. Por Tomĉik ŝi estis kvazaŭ kreita.

Vespere ili sidadis ĉirkaŭ lampo kaj Tomĉik donis instruon al la infanoj:

— Infanoj, zorge uzu ĉion! Kiel oni taksas sian panpeceton, tiel oni fartas. Kaj antaŭ ĉio: gardu bone vian havaĵon, por ke ĝi ne falu senutile en fremdajn manojn; homoj rabus ja al vi eĉ la haŭton. El via buŝo ili ŝtelos, se vi ne defendos vin; ili vin trompos, se vi ne estos singardaj. Atentu pri la homoj! Se vi donos, helpos, ili eĉ mokos vin, kaj dankemon ne atendu. Memoru tion!

Tomĉiĉka neniam forgesis aldiri:

— Jes, infanoj, obeu tion, kion la patro parolas!

Kaj kiam iun dimanĉon restis kelkaj kronoj kiel rezervaĵo, ŝi ekpensis, ke en la kalendara libro estas malplenaj paĝoj kaj ke sur ĉiu estas supre presite: Per kalkulo kaj ŝparo groŝo iĝas groŝaro. Tomĉiĉka do elserĉis la kalendaron kaj pezamane ŝi notis sur la unua malplena paĝo: »Ni havas 128 kronojn kontantajn.«

Ĝi tre ekplaĉis al ŝi, kaj ŝi montris tion ankaŭ al la edzo.

Kaj ili ambaŭ skuetis la kapojn, rigardante al la flaveta papero, ke tie efektive estas la nombro 128, tuta kaj peza, trapremita eĉ sur la sekvantan folion. Tomĉik eĉ ne volis kredi, ke estas tiel, sed li ekfrotis la paperon per sia montra fingro, nu, kaj kiam la aĵo eĉ iom makuliĝis, estis senteble, ke tie estas 128.

Kaj ankaŭ videble.

Sed ili ne plu pribabilis tion, ĉar babili la Tomĉikoj ne sciis.

La sekva tago estis lundo, ĝojplena kaj bona.

Tomĉik foriris al siaj tabloj, kaj Tomĉiĉka riproĉis la infanojn kaj kantis:

Gloru Dion, laŭdu Lin,
Mi revenis, karulin'! ...

Poste ŝi eksidis, por senŝeligi terpomojn, sed preter la fenestroj iris Haláma, kaj estis certe, ke li venas ĉi tien. Tomĉiĉka ŝovis rapide la pajlan pladon kun la terpomoj sub ŝranketon kaj iom ĉagreniĝis, ke ĝuste hodiaŭ venas Haláma; li sidaĉos en la ĉambro — altega kaj sangoriĉa homo estis Haláma — kaj babilos ĝis la tagmanĝo, kvankam estas lundo kaj li devus ja labori. Fine ŝi devos vole-nevole eltiri la terpomojn, Haláma ilin rigardaĉos, kvazaŭ kompatante ĉiun, ke ĝin la Tomĉikoj formanĝos, kaj ripete li diros:

— Kiel belajn terpomojn vi havas! Ni ankaŭ havis provizon ... Sed ĝi estas jam tute konsumita!

Ŝi sciis, ke tiel li kutimas paroli, kaj tial ŝi ne ŝatis Haláma'n.

Haláma tamen eniris spiregante, longe li rakontis, ĉiam la samon, Tomĉiĉka jesadis, kaj subite li alpremis la manojn al la genuoj kaj diris:

— Najbarino! ...

Li loĝis en alia parto de la urbeto, sed tiel li ŝin titolis, ĉar tio estis ĉe li vorto de konfido kaj oportuneco, li ne bezonis en la memoro serĉi alian.

— Mi konfesos: mizero min alpelis ĉi tien. Vi estas aliaj ol la ceteruloj, kiuj ne volas helpi, — la ceteraj homoj, kredu, estas kiel hundoj, kiel bestaro, ili ignoras malriĉulon. Kaj mia mizero estas vere granda! Jam tutan semajnon mi vane serĉas laboron, kaj vi komprenas la situacion de sensalajrulo.

— Ha! — volis Tomĉiĉka mirigite respondi — — la edzo diris ja al mi hieraŭ: Haláma perfidus pro mono eĉ ĉiujn sanktulojn. Hodiaŭ estas dimanĉo, kaj, li tegas tegmenton en la Meza strato, ĉar tie oni bone pagas. Li akceptas sole tian laboron. Sed profiton li ne havos. Post la tagmanĝo li sin altabligos kaj sendube ne levos sin pli frue, ol kiam li elspezos la lastan heleron, aŭ ol oni fermos la drinkejon.

Tomĉiĉka tamen diris nenion, ŝi nur ekruĝiĝis, sciante, ke, se ŝi tion efektive dirus, li devus elturniĝi, kaj ŝi mem ne scius, kion fari: ĉu nur indiferente lin rigardi, aŭ ĉu tuj peti lian pardonon.

Ŝi do diris nenion, kaj Haláma parolis plue:

— La negocoj ne prosperas, kaj vi almenaŭ estas homoj homsentaj, ĉar vi mem scias, kiel en mizero suferas infanoj. Mi eĉ aŭdis, ke vi povus helpi, kaj tuj mi pensis: se ili povas, mi certe ne petos vane.

Tomĉiĉka ektimis, sed malgraŭ la ektimo ŝi pruntis al Haláma kvardek kronojn, kaj poste ŝi longe silentis, ne kantis, nur plie riproĉis la infanojn, ankaŭ da terpomoj ŝi senŝeligis malpli multe, ol kiom ŝi volis, kaj tre koleris sin mem.

Sed antaŭ la okuloj de Tomĉik ŝvebis dum la tuta tago la flaveta paĝo kalendara; antaŭ la vespero li plie ŝvitis, eĉ iom pli frue li interrompis la laboron, kaj ferminte la metiejon li ekstaris antaŭ la pordo.

Li pripensis, kie loĝas la plej molkoraj homoj, ŝuldantaj al li pagon por la laboro.

Poste li rapide ekmarŝis, kaj ĉe la plej molkoraj li sidis tutajn tri duonhorojn, antaŭ ol li ekkuraĝis diri, ke li venis pro la mono.

Ili ne havis, aŭ pretekstis ne havi, aŭ estu la afero kia ajn — sed ili ne donis al li.

# LA MORTO DE LA LUPO

**— Alfred de Vigny —**

La nuboj preterkuris sur la flamruĝa luno,
kiel sur incendio pretere fuĝas fumo,
kaj ĝis la horizonto nigradis la arbaro.
Ni marŝis senparole en humida herbaro,
tra la erikoj densaj kaj la arbustoj grandaj,
kiam ni sub abioj similaj al la Land'aj
ekvidis ungosignojn premitajn ĵus akute
de l' vagaj lupoj, kiujn ni sekvis persekute.
Ni aŭskultis tiam kun streĉa spirreteno
kaj paŝ' interrompita. — El bosko kaj ebeno
ne sonis eĉ plej eta ĝemeto nun; aŭdebla
estis nur la knarado de ventoflag' funebra,
ĉar nun la vent', farante tre supre siajn kurojn
tuŝetis per piedoj nur la solecajn turojn,
kaj kverkoj en malsupro, apud la rokaj krutoj,
ŝajnis endormiĝintaj apoge sur kubutoj.
Nenio do susuris, kiam kapkline restis
la plejaĝul' el tiuj, kiuj ĉe l' pel' ĉeestis,
rigardis al la sablo kaj sternis sin; subite
li, kies juĝ' neniam eraris vidtrompite,
informis nin mallaŭte, ke tiuj freŝaj punktoj
anoncas pri l' elpaŝo kaj la potencaj ungoj
de du plenkreskaj lupoj kaj de lupidoparo.
Tiam ni ĉiuj tenis ponardojn en preparo,
kaj la tro helajn brilojn de la fusil' kaŝante,
ni disfleksadis branĉojn, singarde alpaŝante.
Tri haltas; mi serĉante, pri kio do rigardas
ĉi tiuj, jen ekvidas, ke du okuloj ardas,
kaj mi distingas transe kvar formojn, per facila
danco saltantajn meze de l' erikej' lunbrila,
kiel petolas brue, salte, je ĉiuj tagoj
pro la reven' de l' mastro ĝojante la vertragoj.
Identis form' ilia, kaj ankaŭ danc' identis;
sed la infanoj lupaj eĉ dum la lud' silentis,
sciante, ke najbare en sia urb' fortika
nur duondorme kuŝas la homo malamika.
La patro staris garde, kaj ĉe arbo pli fora
lia lupin' ripozis, kiel la best' marmora,
kultita de l' Romanoj, kiu sub ventrovilojn
Romulon kaŝis varte kaj Remon, diofilojn.
Venas la Lup', sidiĝas, la krurojn rektigante,
per siaj hokaj ungoj la sablon ekpikante.
Li juĝis sin senhelpa, ĉar lin surprizo trafis,
reir' estis tranĉita, elvojon li ne havis.
Nu, tiam li ekkaptis per brula buŝ' sovaĝa
la penspirantan gorĝon de l' hundo plej kuraĝa,
kaj mordon de la feraj makzeloj streĉi pluis,
malgraŭ ke niaj pafoj en lian korpon truis,
kaj la ponardoj akraj, kiel tenajlo, kruce
renkontis sin en ventro borita sangoŝpruce,
ĝis la momento, kiam pro la sufok' kaj vundo
sub liajn krurojn falis la jam mortinta hundo.
La Lup' tiam ĝin lasas, kaj poste nin rigardas,
dum la elstaraj klingoj lin ĝis tenil' ponardas
kaj najlas al gazono sangumitan de ili.
En duonrond' minaca ni pretis lin fusili.
Li plue nin rigardas, kaj jen resinkas kuŝe,
lekante sian sangon elverŝiĝintan buŝe,
kaj ne degnante scii, kiel pereis li,
fermas l' okulojn grandajn, kaj mortas sen ekkri'.

II.

La frunton sur senpulva pafil' mi ripozigis
kaj dum mi volvis pensojn, nenio min instigis
plupeli liajn inon kaj idojn, kiuj kunaj
decidis lin atendi — kaj sen la filoj junaj
mi kredas, ke la bela kaj tragika vidvino
ne lasus lin tutsola batiĝi de l' destino.
Sed ŝia devo estis fuĝigi ilin save,
instrui, ke l' malsaton ili suferu brave,
kaj ne aniĝu iam en la urbecan pakton,
per kiu hom' el bestoj sklavemaj faris kapton,
kiuj por li ĉaspelas, pro gajno de kuŝlok',
l' unuajn posedintojn de la arbar' kaj rok'.

III.

Ho ve! — mi pensis — malgraŭ ĉi nobla nia nomo
kiom mi hontas pri la malforto de la Homo!
Kiel forlasi vivon kun ĉiaj sortmolestoj,
vi ja instruas tion, nur vi, sublimaj bestoj!
Laŭ la memor' restonta de nia tera rolo,
nur la silento noblas, la rest' estas senvolo.
Ha! vojaĝant' sovaĝa, mi vin komprenis ĝuste,
via rigardo lasta penetris min ĝisbruste!
Ĝi diris: »En vi strebu, se eble, la spirito
per daŭra, diligenta medita penspilgrimo
al tiu alta grado de stoika fiero,
kien min levis tuj la denaska vivlibero.
Ĝemadi, plori, preĝi — jen sama malkuraĝo.
Penegu energie kaj longe, ĉe l' vojaĝo,
kies plenumon pezan taskis al vi la sort',
poste, suferu, mortu, kiel mi nun — sen vort'.«

Skribita en la kastelo de M, 1843.

Trad. *G. Waringhien.*

---

Li provis plue, hejme oni lin atendis jam senpacience, Tomĉiĉka lamentis pri la sekiĝinta vespermanĝo, sed poste li tamen venis, kaj gaja li venis.

Li alportis dudek kronojn.

Tomĉiĉka ektimis pro ili.

Vana sekreto — ĉiu rideto de Tomĉik, ĉiu lia movo klare parolis:

— Hodiaŭ ni denove enskribos, tuj kiam ekdormos la infanoj!

Ili do treege disputis tiun lundon, sidante ĉe la kalendaro kaj klinante sin super la flaveta malplena paĝo, kie estis ankaŭ nun skribita 128, sed ĝi ne plu estis vera.

— Mi laboregas, kuradas de unu homo al alia ĝis laciĝo, kaj jen diversaj ŝtelistoj kaj fiuloj forrabas al vi la rezulton de mia peno! Kia homino vi estas! Tute senprudente vi agas! . . .

Kaj ili disputis, kiel ili sciis.

Tomĉik eĉ sidi ne povis, li balancis la kapon kvazaŭ pro dentodoloro, kaj nur post longe li trankviliĝis.

Sed pripensante siajn spertojn akiritajn ie kaj tie dum la hodiaŭa monpostulado, li eksentis fine certan memfidon kaj preparis sin por forta atako:

— Mi lin ja trovos, mi renkontos lin tute certe, kaj li ne sentos sin bone! Mi ne pardonos lin. Li redonu! Mi scias, kiel trakti tiajn ulojn. Ha, se mi estus estinta hejme! . . . Sed vi estas tia homino — pa, vana parolo! Sed mi lin kaptos! Mi pinĉos al li la fingrojn!

Multege minacis Tomĉik.

Kaj ili disputis, kiel ili sciis.

Malfrue ili iris al la lito, kaj antaŭ la kuŝiĝo malaperis jam el Tomĉik la lasta guto de l' indigno kaj li ekgrumblis iom indulgeme:

— Se vi jam malŝparis, se vi donis, do almenaŭ notu! Jes, enskribu, por ke estu nigro sur blanko!

La malĝojigita Tomĉiĉka vidis jam nebone, same pro larmoj kiel pro dormemo, sed tamen ŝi iris sub

# PROZO

— L. van Deysel —

*Mi amas la prozon, kiu alvenas kiel viro, kun brilantaj okuloj, kun forta voĉo, spiranta, kaj kun grandaj gestoj de manoj. Mi volas en ĝi vidi la verkiston ridi kaj plori, aŭdi lin flustri kaj voki, senti lin ĝemi kaj spiregi. Mi volas, ke lia lingvo montriĝu antaŭ mi kiel palpebla kaj tintanta organismo, mi volas, ke, se mi ĝin legas en mia ĉambro, el ĝiaj literoj, tremantaj antaŭ miaj okuloj, ĝi sentigu al mi spiriton, kiu proksimiĝas al mi, kaj el ĝiaj paĝoj ŝajne en mi supreniĝas.*

*Mi amas la prozon, kiu el la senfino de artista animo venas tajde kiel son-maro, kun sia larĝa ondado trankvile alfluetante, proksimiĝante, proksimiĝante, ĉiam pli proksima, ebena kaj vasta, subite lumigite de belegaj briloj.*

*Mi amas la prozon, kiu alŝaŭmas min, alfuriozas min, tondras sur min en ŝtorma pasio-torento.*

*Mi amas la prozon, kiu estas senmova kaj fortimpresa kiel montodorsoj.*

*Mi amas la prozon, kiu petolas kaj ĝojkantas kiel vente lulata somerarbaro plena de birdoj.*

*Mi amas la prozon, kiun mi vidas stari kun ĝiaj frazoj kiel urbo el marmoro.*

*Mi amas la prozon, kiu descendas super min kiel ora neĝo el vortoj.*

*Mi amas frazojn, kiuj marŝas kiel aroj da viroj kun larĝaj dorsoj, viciĝantaj ŝultro ĉe ŝultro, sin daŭre sekvantaj en pli larĝaj vicoj, supren sur monton, malsupren de monto, kun frapado de siaj paŝoj, kaj peza antaŭeniro de sia marŝado.*

*Mi amas frazojn, kiuj sonas kiel voĉoj sub la tero, sed suprenvenas, leviĝas, leviĝas, pli laŭtaj kaj multaj, kaj preterpasas kaj leviĝas kaj kante postsonas alte en la aero.*

*Mi amas vortojn, kiuj subite alvenas kvazaŭ el tre foraj lokoj, antaŭenpafiĝas, oraj, el breĉo de blua horizonto, aŭ kiel nigraj ŝtonblokoj alte en la aero turniĝantaj, el profundo de baraktanta kaj brulanta abismo.*

*Mi amas vortojn, kiuj bombardas min kiel falantaj traboj, vortojn, kiuj bombardas min kiel kugloj.*

*Mi amas vortojn, kiujn subite mi vidas stari, kiel papavoj aŭ bluaj cejanoj.*

*Mi amas vortojn, kiuj el la irado de la stilo subite odoras al mi kiel incenso el preĝejpordo aŭ kiel parfumo de virina poŝtuko sur la strato.*

*Mi amas vortojn, kiuj, neatendite, dum la monotona stilirado, dolĉe suprensonas kiel zumanta infanvoĉo.*

*Mi amas vortojn, kiuj efemere bruetas, kiel sufokaj singultetoj.*

*Mi amas la prozon, kiu sian ĝojon kaj ekstazon stelumas super min, kiu ekflagrigas brulantajn sunojn de l' amo, kiu kondukas min tra la diafana glacio de ĝia malestimo, tra la vilaj, nigraj noktoj de ĝia malamo, kiu trumpetas al mi renkonte la verdan kupran sonon de ĝia moko kaj rido.*

El la nederlanda: *May Bijleveld.*

---

la lampon kaj decideme enskribis ankaŭ tiun ĉagrenan konteron en la ĉefan kontolibron, redaktante ĝin jene: »Al Haláma ni donis 40 kronojn.«

Tomĉik rigardis trans sian ŝultron kaj trovis novan kaŭzon por ekkoleri:

— Kiel do? Kio ĝi estas? Ĉu do *mi* donis? Ĉu mi donis ion al Haláma? Ha, mi donus al li! Kion vi skribis? Via devo estis skribi: Al Haláma *mi* donis 40 kronojn. — Tiel . . .

Tomĉiĉka konsentis, sed embarasite ŝi staris super la skribaĵo, ne konante rimedon, per kiu la afero estus riparebla.

*

Post du tagoj renkontis Tomĉik Haláma'n, verdire li estus lin renkontinta, sed ekvidinte Haláma'n li rapide sin turnis post la stratangulon, por ke ili sin fakte ne renkontu.

— Kion mi diru al li? Ankoraŭ ja mi eĉ ne pripensis, kion al li diri. Se oni ne pripensas bone, oni prefere ne parolu eĉ unu vorton, oni sin prefere eĉ ne renkontu. Hm, vere, la edzino ankaŭ hodiaŭ demandos: »Ĉu vi ne renkontis Haláma'n?« Nu, kompreneble mi ne renkontis lin! Kie do mi lin renkontu? Kiel? Nun — kaj renkonti lin! Vere, ĝuste nun mi lin renkontos! Li atentas ja, kaŝas sin . . . jes, jes, tion oni kutime faras.

Kaj Tomĉik eĉ ĝojis, ke ili sin ne renkontis.

Lia vizaĝo tute brilis de ĝojo.

Malbonŝance li denove forgesis pripensi, kion li diru al Haláma, kaj kiam ili la sekvan tagon estis sin renkontontaj, li ree devis kaŝe sin enmiksi inter homamason, kaj ŝvito ekkovris lian frunton, ĉar estis jam preskaŭ malfrue kaj la eraro estus estinta ankoraŭ pli granda.

— Ĉu eĉ hodiaŭ vi ne renkontis lin?

— Kia homino vi estas! Kion vi do pensas? Sendube li nun promenadas ekster la urbo.

— Plej bone estus viziti lin . . .

— Ha, certe — pensis Tomĉik, — ankoraŭ tion! Aŭ mi trovus lin, aŭ ne; se jes, des pli malbone: li povus havi iom da vaporo en la kapo, li kaptus min per siaj manaĉoj . . . nu, koran dankon!

— Plej bone estus iri tien.

Tomĉik rapide deturnis la parolon al alia temo: ke sur la kolo li ree havas ŝveltuberon, kaj kiu scias, ĉu ne ripetiĝos la malagrablaĵo, kiun li travivis antaŭ kvin jaroj, kiam li devis dum la tuta aŭtuno iradi kun kapo flankenklinita.

Nu la tubero ne estis danĝera.

Sed la sekvan tagon, kiam li portis hejmen monon ricevitan de Ferienĉik kaj haltis sur la placo por momenta interparolo, iu forte ekfrapis lian ŝultron kaj skuetis ĝin.

Preskaŭ ŝtoniĝis Tomĉik, ekvidinte Haláma'n ĉe si.

— Kamarado, mi jam opiniis vin mortinta! — komencis Haláma. — Nenie vi estis trovebla, vane mi serĉis. Mi pensis: ha, Tomĉik, la malnova kamarado, verŝajne ne vivas plu. Kaj jen vi estas, dank' al Dio! Mi ŝuldas ja al vi, ĉu vi ne forgesis?

Tomĉik estante konfuzita volis jam konfesi, ke li ne forgesis, sed li ne havis tempon por respondi, ĉar Haláma parolis plue:

— Mi portadis la ŝuldatan sumon ĉe mi, volis ĝin repagi, sed ĉu mi povis? Al kiu ĝin redoni? Eble min jam eĉ koleras la bona Tomĉik — pensis mi. Kaj vi fakte koleras, ĉu ne?

Tomĉik klopodis ĉiel kaj nepre konvinki lin, ke

li ne koleras kaj eĉ neniam kolerus pro tia afereto. Kaj tia fervoreco montriĝis en ĉiu gesto, en la mieno, en ĉiu vorto, ke li fine — li mem ne sciis, kiel — pruntis al Haláma pluajn dek kronojn, ĉar Haláma forgesis kunpreni monon kaj volas aĉeti najlojn. Ankaŭ la ŝuldon li forgesis kunpreni, kaj la papermono estas jam tute ĉifita, ĉar li ĝin jam tiel longe portis en la poŝo.

Tio do okazis al Tomĉik.

Hejme li tre ektimis, ĉar la okuloj de Tomĉiĉka, ŝiaj buŝo kaj ĉiu movo manifestis demandon:

— Ni enskribos hodiaŭ refoje, ĉu ne? Certe, tuj kiam ekdormos la infanoj!

Ili do devis, li ne povis ja malkonfesi, ke geedzoj Ferienĉik estas honestaj homoj.

— Ho, pro Dio, mi notas, mi enskribas, tremas super ĉiu litereto, kaj li tiel . . . tiel senzorge malŝparas! — lamentis Tomĉiĉka.

Tomĉik silentis.

Bedaŭro, bedaŭrego plenigis lian animon, sed li silentis, ĝis kiam venis al li ideo:

— Ĉu kulpis mi? Mi pruntis nur dek, sed . . .

— Ĉu mi kulpis? Mi estas ja nur virino, nur simpla . . . simpla homino, sed vi — vi devas scii rilati kun homoj . . .

Ekmeditis do Tomĉik, kaj post du tagoj, vespere, antaŭ ol li ekdormis, li ekkomprenis ĉion.

Jene li konsideris:

— Hm, al Petráŝ ni foje pruntis, kaj . . nu, li ne repagis. Al Zvoda mi pruntis ankaŭ, kaj . . . nu, oni forgesis. La edzino ankaŭ pruntis al familio Hirt, kaj . . . nu, nur nun mi tion rememoras.

Same ĉiujn ceterajn li rememoris.

Li eksidis sur la lito kaj vekis Tomĉiĉkan.

Ne dormu, sed aŭskultu.

— Mi ne dormas, tio nur ŝajnas al vi.

— Mi scias jam, kial venas al ni la malkvieto.

— Kia?

— Nu, kia, kia?! Do tiu — pri la mono.

— Ha, jes . . . Kial?

— Tial ĝi venas al ni, ĉar vi elpensis la kalendaron. Por kio ni bezonas kalendaron? Kion ni priskribu? Ĉu ni ne havas kapojn kaj memoron? Ni havas, ĉu vi dubas? Niaj sumoj estas facile memoreblaj. Kial do noti, skribaĉi?! Morgaŭ vi elŝiru la folion . . . jes, elŝiru! Kaj ne skribu plu, nenion skribu!

Tomĉiĉka klare konsciigis al si, ke tie estas la katastrofa kvardeko enskribita je ŝia konscienco, kaj ŝi akceptis la proponon:

— Vere . . .!

Ili ne plu enskribadis, ne kalkulis, sekve ankaŭ nenion kunŝparis.

Ŝajnas tamen, ke ili tion ne bedaŭris.

*

Tomĉik, la laŭprofesia meblisto, kiu pretigadis diversajn tablojn, estis mia patro.

Kaj mi estas lia filo.

Ofte mi faras ion tute alian, ol kion mi ellernis.

Mi ankaŭ jam edziĝis, kaj eĉ mi ĝojas pro tio. Kvankam sep infanojn mi ankoraŭ ne havas, tamen — kiu scias? . . . Dum la geedzeco ni absolvis jam pli ol unu kalendaran aferon, sed bonŝance en Banská Bystrica oni ne eldonas plu la fakture presitan kalendaron, en kiu estis la prudenta rubriko »Per kalkulo kaj ŝparo . . .«, kaj sekve mi ne timas katastrofon.

Certe ankaŭ ĉe ni groŝo ne iĝos groŝaro.

Sed ĉu miakulpe estos tiel?

Ĉu miakulpe?

Mi estas ja filo de Tomĉik.

El la slovaka: *Miloŝ Lukáŝ.*



G. Buday

*Pilgrimo al Sankta Virgulino*

# ESPERANTA FOLKLORO

## (Babilado de Horaĉo Serĉer)

— De I. Lejzerowicz —

Mi renkontis Horaĉon Serĉer lastan dimanĉon en parko. Estis bela kaj varma printempa tago — la suno sendis freŝan varmon sur la teron, ĝiaj radioj disrampis en ĉiujn vejnojn de l' homa korpo — ŝajnis, ke ĉiun penetris ia feliĉega sereneco. Homoj, kiel kutime, lasis sin trompi de la unuaj varmaj sunsalutoj, kaj tiu efemera printempa refreŝigo ornamis ĉies vizaĝon per rideto kaj kontento.

Sed Horaĉo Serĉer havis deprimitan mienon. Li sidis en angulo sur benko, la frunto forte kuntirita kun sennobraj faltoj, la rigardo fiksita al la tera ŝtonetaĵo, sur kiu li senscie faris signojn per sia bastono. Mi estis certa, ke lin turmentas zorgoj pro la krizo, ke li cerbumas pri ia savrimedo kontraŭ ĝiaj sekvoj — ah! la dolaro en Novjorko ankaŭ ekkrakis — kio sekvos? kio nun fariĝos?

Sed kiam mi, sidiĝinte apud li, demandis, kio lin afliktas, en liaj okuloj ekbrilis tiu stranga fajreto, sur liaj lipoj aperis tiu stranga rideto, pri kiu estas malfacile diveni, ĉu ĝi estas rideto de ĝojo aŭ ironio, kaj el lia buŝo ekfluis babiltorento. Kia krizo! Kia dolaro! Horaĉo Serĉer estas esperantisto, kaj esperantistoj dolarojn ne havas... Kaj se li dolarojn ne havas, kial tuŝu lin ilia krako en Novjorko? Pri tio prefere zorgu Ford kaj Rockefeller kaj Morgan kaj la aliaj monpotenculoj — kiu scias, kiel ili ĉiuj nomiĝas? Li, Horaĉo Serĉer, havas aliajn zorgojn, kiuj estas por li pli gravaj ol la milionoj de Rockefeller kaj Morgan. Horaĉo Serĉer estas esperantisto, kaj eĉ — kiel vi scias — fervora kaj sinoferema verdulo, kaj por unu sukceseto de Esperanto li estas preta fordoni la tutan havaĵon de Morgan kaj Rockefeller kune... Tia homo li estas, Horaĉo Serĉer!

— Vi demandas, kio min tiel afliktas? Certe, vi povas esti pli ĝoja, ĉar vi miajn zorgojn ne havas. Vi sidiĝas ĉe via skribotablo, fermas la okulojn por momento kaj tuj el via cerbo elsaltas ideoj, kiuj petegas, ke oni eternigu ilin sur papero — kaj jam vi havas pretan artikolon aŭ felietonon. Aŭ vi kunvenas en amika rondo, gaje babilas, diskutas, ŝercas. Kompreneble, por tiaj temoj Esperanto absolute sufiĉas kaj plene taŭgas. Por paroli pri homamo, fratiĝo de l' popoloj, pri la granda rondo familia — vortoj en Esperanto al vi neniam mankos. Pri tio jam zorgis la Majstro... Sed diru, mi petas, kion vi faros kun kanajlo, kiam tentas vin la deziro insulti lin fripone, kiel li vere meritis? Aŭ, se vi dum la Kongresa Balo rifuĝos el la balhalo kun ĉarma nova amikino en senhoman ĝardenangulon, kaj subite ia »homama« samideano alsidiĝos ĉe vi por elbleki antaŭ vi kaj via amikino sencoriĉan paroladon pri la malutilego de la tabakfumado (mil diabloj prenu en tiu momento la tutan tabakon de l' mondo!), kaj vi dezirus tiam regali vian homaman amikon per tute ne »amaj« vortoj? Kion do vi dirus al li? Aŭ, ekzemple, vi aŭskultas en la Somera Universitato sciencan prelegon, kiu tiom interesas vin, ke vi volus ekkrii: »Homoj, savu! Mi svenas!«, kaj elirante el la prelegejo, vi sendas la senkompatan turmentinton en la inferojn de ĉiupopolaj mitologioj — kaj, nature, vi insultas lin ne en Esperanto, sed en via nacia lingvo. Kial? Ĉar en Esperanto oni ne povas insulti, eĉ se oni volas. Esperantisto devas resti kontraŭvole ĝentila homo, eĉ kiam li sentas la deziregon facile igi sian koron per kelkaj »klaraj«, kernecaj insultoj kaj blasfemaĵoj. Estas ja vera kompromito por nia lingvo, ke en kunveno de diversnaciaj esperantistoj oni pro nura neceseco laŭdas kaj flatas unu la alian. Ha! kiel ofte mi deziris jam »honorigi« la »io«-anojn per kelkaj blasfemaj »floroj«, aŭ almenaŭ la aŭtorojn de Ido! Sed kion fari, se nia lingvo tiajn florojn tute ne posedas, kaj vi kontraŭvole devas eĉ nomi ilin »samideanoj«. Honto! Honto!

Li ektusetis dufoje kaj daŭrigis:

— Centoj da esperantistoj oferas sian tempon por kompilado de fakaj terminaroj, sed neniu havas la ideon prilabori insultvortaron, kiu apartenas ja al la komuna vortaro. Tio estus ja nia folkloro! Ni estas popolo, ĉu ne? Do ni ankaŭ nepre bezonas propran »folkloron«! Kiam dum la lasta universala kongreso la popolo faris ŝipekskurson kaj la vaporŝipo subite haltis sur ŝlimo por nur 4 horoj, vi devus esti vidinta, kio tie okazis: la kongresanoj ariĝis laŭnacie en grupojn kaj blasfemis, insultis, malbenis en siaj naciaj lingvoj. Ĉu vi aŭdas: en siaj naciaj lingvoj! Ili enverŝis sian tutan koleron kaj indignon — mi pensas, ke la kompatinda Vistulo neniam ankoraŭ englutis tiom da fiinsultoj kiel tiam — mi sole bedaŭras, ke ĉio ĉi ne okazis en Esperanto! Mi simple hontis antaŭ mi mem: kia lingvo estas ĝi, Esperanto, ke oni ne povas havi la plezuron esprimi en ĝi ian bonan insulton....

— Mi faris solenan ĵurpromeson — daŭrigis Horaĉo Serĉer — ke mi tiun mankon el nia lingvo forigos. La nuna stato estas ne plu tolerebla. Lingvo ne estas kreita por nuraj anĝeloj. Kongresanoj ankaŭ bezonas ĝin. Vi ricevis ekzemple »komunan loĝejon« en la periferio de l' urbo kaj vi kelkfoje tage devas fari punpromenon el via loĝejo al la kongresejo kaj returne. Kiel vi dankos pro tio al la L. K. K.? Aŭ vi ne estas invitita al la kongresa bankedo — kion ĝi signifas? Ja vi mem konsideras vin kiel gravan eminentulon kaj jen la komitato arogis ne inviti vin?! Kiel trovi en Esperanto taŭgajn »epitetojn« por la komitato?

Mi povus citi antaŭ vi centojn da argumentoj, sed ĉu por vi ne sufiĉas la jam diritaj? Cetere, venas ofte la deziro eldiri kelkajn »bonajn« vortojn tute simple, sen intenco, sen kaŭzo, el nura kutimo. Vi promenas ekzemple nun sola kun viaj pensoj kaj subite vi rememoras, ke la Kolonja Kongreso proksimiĝas kaj vi ankoraŭ ne havas monon, monon, monon! La esperantistoj kutime diras en tia okazo: »al diablo!«, sed tiu ĉi parolturno estas tre malforta, se ĝi ne signifas la rektan malon: Ho, se oni foje povus fari pakton kun la diablo por akiri — estu per diabla potenco — tion, kion oni aspiras!

Mi do kompilas nun fakan terminaron por insultoj kaj malbenoj. Mi jam kolektis sufiĉe da materialo, kaj se vin tio interesas, mi tralegos al vi kelkajn specimenojn. (Li eltiris el sia poŝo dikan kajeron kaj komencis legi.)

Dissaltu, kiel la obstinaj baroj de miljaroj.

Oni ŝatu vin tiel, kiel franca esperantisto — la h.

La akuzativo turmentu vin ĉiam.

Beaufront.

Ĉefdelegito.

Esperantigita estu via edzino.

Ia stranga sento ekpremis en la gorĝo. »Sufiĉe!« mi ekkriis. Mi kaptis rapideme la manon de Horaĉo Serĉer, ekskuis ĝin adiaŭe kaj forkuris, forkuris rapide.

Horaĉo Serĉer notis en sian kajeron novan »floron«: Ke vi havu la forton de esperanta insulto!...

# La blinda Valeria

— Janis Jaunsudrabins —

Kvankam ŝi estis la mastrino, tamen ĉiuj nomis ŝin nur la blinda Valeria; eble ĉar en la vilaĝo estis multaj Valeriaj, eble ĉar tiun ĉi imponan virinon dum ŝia junaĝo oni nomis la bela Valeria. La nomo serĉas nomon. Jes, oni tiel ŝin nomis kaj ĉiu vilaĝa junulo deziris esti proksime al ŝi.

Kiam venis la ĝusta tempo, la bela Valeria edziniĝis al la plej bona vilaĝa mastro. Ili havis unu filon. Kiam li estis kvinjara, la patro mortis. Baldaŭ post tio la bela Valeria blindiĝis. Oni opiniis, ke tio okazis de plorego pro la mortinta edzo. Nun de post tiu tempo pasis dudek tri jaroj, kaj ŝin proksime kaj malproksime oni konas kiel la blindan Valerian kaj miras pro ŝia kapablo gvidi la filan mastrumaĵon. Ŝi iras al la brutejo, grenejo, kelo. Ŝi ĉerpas akvon el la puto kaj neniam verŝas ĝin preter, enverŝante el unu ujo en la alian. Kun vaste malfermitaj bluaj okuloj kaj ruĝaj vangoj kvazaŭ en ekstazo, ĉi tiu virino promenas en la korto. Laŭ paŝoj ŝi konas ĉiujn loĝantojn de la farmodomo, ĉiujn hejmajn bestojn. Ŝi kuiras kaj rostas, metas sur la tablon manĝaĵon, deprenas ĝin kaj lavas la vazaron. Ŝi staras ĉe la fajrujo, parolas kun najbarinoj ŝin vizitantaj kaj atentas la laktokaserolon. Kiam la lakto faras vezikojn kaj palpante la ujorandon leviĝas supren, kaj la najbarino tion vidante estas preta diri ke ŝi ĝin deprenu, — ŝi per unu mano tiras la kaserolon flanken kaj per la alia mano ŝi forpuŝas ringojn de la fajruja plataĵo, preninte de la forno pli dikan kenon. Kiam la najbarino miras kaj demandas, kiel Valeria tion povas, ŝi ridetas kaj diras:

»Vi, vidantoj, ĉion faras per okuloj. Mi devas labori per prudento. Mi havas en mia kapo la tutan korton, ĉiujn angulojn de la domo, ĉiujn objektojn, ĉiujn vestaĵojn. La vazaro en la ŝranko staras por mi tiel, ke mi senerare povas preni glason, pladon, forkojn aŭ tranĉilojn. Senkremigi lakton, buterigi kremon, prepari manĝaĵojn ne estas malfacile. Almenaŭ mia filo neniam plendis. Kuiri lakton, — mi aŭdas de zumado, kiam ĝi estas preta. Mi klare scias, kiam la lakto ekvaporas, kiam ĝi estas jam varmega kaj kiam ĝi kun mallaŭta zumado ekleviĝas. En tuta mia vivo ĝi neniam verŝiĝis bolante trans la ujrando kaj neniam ĝi brulodoriĝis. Rostante viandon aŭ flanojn mi tenas la patan tenilon kaj mi sentas, kiam la rostaĵo estas preta. Panon mi metas al la nazo kaj mi scias kiam ĝi estas bakita. Neniam ĝi restis nebakita aŭ iel difektita.

»Tio estas vero,« respondas la najbarino. »Jen la kaŭzo kial Antono ankoraŭ ne edziĝis.«

Ĉion ĉi oni povis klarigi per la granda atentemo de Valeria; sed ĉi tiu virino havas kelkajn tute supernaturajn ecojn. Ekzemple, ŝi klare povas diri, el kiu ovo eliros kokino, el kiu virkoko. Printempe ofte al ŝi venis najbarinoj, eĉ malproksimaj, kun korbetoj, plenaj de ovoj kaj petis ŝin elekti la ovojn, en kiuj estas virkokoj aŭ kokinoj. Valeria faris tion kun ĝojo, mokante la gastinojn, kiuj mem nenion komprenas. Pro ĉi tiu laboro ŝi ordinare ricevis kelkajn ovojn kaj tial printempe al ŝi kaj ŝia filo ne mankis flanaĵo.

La tempo pasis. Plendis nek la Blinda Valeria, nek ŝia bona filo, kvankam kaŝe ili ambaŭ havis unu deziron. Ŝi deziris havi la decidvorton, kiam la filo havos la intencon edziĝi. Antono, kontraŭe, jam havis fianĉinon kaj iris plena de peza feliĉo, timante diri pri tio ion al la patrino. Ŝi povus senti sin ofendita, kvazaŭ li estus malkontenta pro ŝia mastrumado. Foje tamen la filo ekkuraĝiĝis kaj diris:

»Vi scias, panjo, en kiu ovo estas kokino, en kiu virkoko, — sed ĉu vi povas diri, kiu el knabinoj estos por mi bona edzino?«

»Bonaj junuloj ĉiam prenas tiajn, kiuj por ili malpli taŭgas. Eble tio okazus ankaŭ kun vi, se vi ne turnus vin al mi. Bone. Vi estas dudekjara kaj vi ne povas pli longe prokrasti, se vi ne volas ĉiam resti fraŭlo. Mi penos trovi por vi la veran fianĉinon.«

De post tiu tago la blinda Valeria ĉiujn knabinojn, kiuj ŝin vizitis aŭ alportis ovokorbojn, aŭ venis por aliaj bezonoj, kvazaŭ karesis, palpante facile per fingroj la vizaĝon, harojn, dorson kaj bruston. Kiam iudimanĉe alvenis Barbala Ribaks de najbara vilaĝo, la blinda Valeria, salutante, ŝin karesis kaj ĝoje diris:

»Mi elektos por vi, filino, la ovojn. Sed mi dezirus transdoni al vi mian tutan mastrumaĵon, se vi konsentus esti la mastrino anstataŭ mi.«

Dirante tion, ŝi tenis la dekstran manon de la knabino en sia forta manplato, kaj ŝi sciis, ke Barbala ruĝiĝis kiel fajro. Sed ĉifoje ŝi ne sciis, ke apud Barbala staras ankaŭ Antono. Ŝi ektremis, aŭdante subite la filan voĉon.

»Sed vi, panjo, jam diris, ke bonaj junuloj ĉiam elektas malbonajn edzinojn.«

»Jes, tio estas vero. Sed ĉi tiun knabinon mi elektis por vi. Prenu ŝin kaj estu feliĉa.«

»Dankon, panjo,« diris la filo kisante la patrinan manon kaj li tiris Barbalan al si. »Sed ŝi ja estas la sama knabino, kiun mi mem jam delonge elektis por mi.«

El la latva: *A. Kazoks.*

---

## *Manio*

***— Francisko Szilágyi —***

*Riĉiĝas mi kaj ĉiam pli,*
*Jen mia: l' nokto nuba,*
*Susura velko de l' foli', —*
*Orgeno ventkeruba.*
*Jen miaj estas: osto-dom',*
*Insida silka siblo,*
*Ebria danco de Sodom',*
*Satana feĉokribro;*
*Jen mia: la transmura bru',*
*Frap-frapo morttambura,*
*Rigida blov' de l' sunofru'*
*Frostfebro punaŭgura.*
*Ho, miaj estas de l' popol'*
*La veokrio, ĝemo,*
*Kaj miaj: la spitiga vol',*
*Pro mi: la terotremo.*

*— Ho kial? — hurlas vunda vang' —*
*— Sensavel — Plorrespondo:*
*Jen mia estas sang', la sang'*
*Por kovro de la mondo.*



# KINO

Redaktas: **Jean Forge-Fethke**

## FILMSTELOJ KAJ ESPERANTO

Kun la plej granda filmhalo de Eŭropo en Neubabelsberg, urbeto apud Berlino, ligas min specialaj rememoroj. Kiel junulo esperplena mi staris tie kaj travivis mian unuan filmon kiel asistanto de Ufa-reĝisoro. Tiam estis la brua tempo de la muta filmo. En la haloj senĉese tondris la marteloj de la laboristoj, kriis la voĉoj de la reĝisoroj kaj iliaj helpantoj, muzikis fortepianoj... hodiaŭ ĉirkaŭas min profunda silento, kiam mi enpaŝas la vastan laborejon. Oni turnas sonantan filmon.

Kaj tie meze en tiu grandega halo sidas solece sur seĝo elegante vestita sinjoro kun monoklo: Conrad Veidt! Li atendas pacience sian scenon. Mi salutas lin. Ie, en apuda ejo oni turnas nun la germanan varianton de la Ufa-Filmo »F. P. 1. ne respondas«. Conrad Veidt atendas, ĉar li ja ne partoprenas en ĝi...

»Mi ludas ja, kiel mi jam rakontis al vi dum via vizito sur la insulo Oie, la anglan varianton,« diras Veidt kaj afable proponas seĝon. »La germanan ludas Albers, la francan Boyer —«

»La lingva ĥaoso estas terura,« mi respondas kaj tuj plenvele naĝas al mia temo. »Kial oni ne turnas Esperantan varianton?«

Conrad Veidt rigardas min kun rideto.

»Ĉu vi jam aŭdis pri Esperanto?« mi atakas.

»Kompreneble mi jam aŭdis,« respondas Veidt. »Sed Esperanto estas bedaŭrinde ne sufiĉe populara. Ĝi estas bonega afero laŭ mia opinio kaj oni devus instrui ĝin al infanoj, enkonduki ĝin en lernejojn. Sed —«

Li atendas dum sekundoj. Li ŝajnas iom pripensi antaŭ ol eldiri sian opinion al danĝera ĵurnalisto.

»Sed —« li daŭrigas, »la hodiaŭaj tempoj estas tiel malfavoraj por Esperanto. La doganaj muroj, la naciaj malharmonioj, la granda mondkrizo, ĉio malhelpas la efektivigon de tia genia ideo. Kaj cetere oni malmulton aŭdas pri Esperanto. Mi ne kredas ke ekzistas multaj homoj komprenantaj Esperanton.«

»Nu pri tio oni povus disputi,« mi kontraŭdiras. »Mi renkontis ekzemple dum mia vojaĝo tra Svedujo diversajn simplajn kamparanojn, kiuj flue parolis Esperanton, kaj preskaŭ en ĉiu vilaĝo mi trovis Esperantan klubon. Kaj la plej granda sveda filmkompanio »Svensk Film« proponis al mi prelegvojaĝon pri filmo en Esperanto tra tuta Svedujo.«

Conrad Veidt ekmiras pri tiaj argumentoj: »Mi ne estas kompetenta juĝi pri Esperanto, kompreneble. Oni devus energie klopodi pri enkonduko de Esperanto en la lernejojn. Sed ĝis tiu momento estas ankoraŭ longa vojo. Ni ne ĝisvivos ĝin plu, ne — ni ne ĝisvivos ĝin plu —«

»Certe ne,« mi konsentas, »kulturafero, kia estas Esperanto, tiel grandioza kiel siatempe la eltrovo de la presarto, bezonas jarcenton aŭ pli por penetri en la inertajn cerbojn de la homoj. Sed Esperanto ja hodiaŭ estas jam serioza movado. Jen vi vidas ekzemple, ke ni jam havas literaturan organon en Esperanto.«

Veidt kun granda intereso ekprenas ekzempleron de L. M. kaj komencas legi poemon »Rezigno« de Adamson. Mi helpas al li traduki la vortojn. La lingvo plaĉas al li. Ni parolas pri la naskiĝo de Esperanto, pri la Esperantaj poetoj kaj verkistoj. Bedaŭrinde ne multe, ĉar el la apuda ejo alrapidas la helpreĝisoro kaj petas la aktoron veni.

Mi sekvas Veidt. Mi kredas, ke tiu ĉi germana aktoro devanta ludi en angla lingvo en mallongega tempo ellernus Esperanton. Kaj mi esperas ke li multe ŝanĝis sian skeptikan opinion pri Esperanto.

Inter lampoj kaj kulisoj mi renkontas la francan aktoran paron: Daniela Parola kaj Charles Boyer. Mi prenas la okazon saluti ilin kaj demandi ilian opinion pri Esperanto. Boyer opinias, ke Esperanto ne estas plu moda afero, ĉar oni preskaŭ ne aŭdas pri ĝi, sed la ĉarma Daniela Parola estas entuziasmigita pri la ideo de internacia helplingvo, kiam mi klarigas al ŝi la tutan aferon.



*Conrad Veidt*

»Mi tuj lernus Esperanton, se oni turnus Esperantan filmon,« ŝi diras en franca lingvo.

»Eble oni faros tion pli frue ol ni ĉiuj antaŭvidas ĝin,« mi respondas. »Se ni disponos pri la sufiĉa kapitalo por fari kun germana aŭ franca firmo kune Esperantlingvan varianton krom la nacilingva, mi ne dubas, ke baldaŭ trovos sin aliaj filmproduktantoj, kiuj uzos Esperanton kiel filmlingvon. Kaj cetere —«

La sireno de la sonaparato fortranĉas mian parolon.

*F.*

---

Por montri al la plej granda filmentrepreno de Eŭropo la utilecon de Esperanto, ni petas traduki la filmvojaĝon de Jean Forge »F. P. 1. ne respondas« kaj publikigi en nacia gazetaro. Kliŝoj-matricoj riceveblaj senpage ĉe la aŭtoro: Jean Forge-Fethke, Berlin-Schöneberg, Neue Kulmerstr. 2, II., Germanujo.



*La vasta flug-platformo F. P. 1 kun la hoteloj kaj aeroplanejoj. Dum la filmado ofte ŝafoj erarvagas inter la aparatojn venante de la proksima paŝtejo.*

## „F. P. 1 ne respondas“

**— Filmvojaĝo de Jean Forge —**

Kiam mi metis matene la kapon tra la fenestro de mia hotelo, mi vidis antaŭ mi la vastan bluan spegulon de maro. La suno jus leviĝis — kaj en tiu momento jam frapis iu ĉe la pordo kaj ordone kriis: »Bonvolu rapidiĝi — la ŝipo tuj foriros al Oie!...« Kaj nun mi sciis, kie mi troviĝis. Mi estis sur la insulo Rügen en la baltika maro — kaj Oie (Oje) estis malgranda insulo oriente de Rügen. Kaj al Oie mi volis veturi kun la filmistoj...

Mi rapidis al la kajo. El la tuboj de la ŝipo jam flugis dikaj fumkolonoj. Multegaj homoj svarmis ĉirkaŭ mi. Jen estis aktoroj, teknikistoj, laboristoj, helpaktoroj. Ili parolis en diversaj lingvoj. Sur la ferdeko aperis la karakteriza kapo de Conrad Veidt. Jam frumatene brilis en la unuaj radioj de la suno lia monoklo. Apud li sidis Hans Albers kaj Sybille Schmitz. Anglaj kaj francaj paroloj aŭdiĝis. La granda filmekspedicio de la Ufa konsistis el 160 personoj. Kaj tiuj 160 laborantoj kuras kiel formikoj por fini la lastajn preparojn por tiu ĉi fantazia vojaĝo al mirakla insulo. La ŝipsireno ekkriegas. Ni ekveturas sur la vastan maron...

Mirakla insulo estas la Oie. Ĝi leviĝas kun altaj rokaj bordoj el la maro. Jam de malproksime leviĝas la 50-metra lumturo.

Dum la vojaĝo mi havas okazon paroli kun la filmarkitekto Kettelhut pri tiu insulo.

»Ni komplete ŝanĝis tiun insuleton ampleksantan nur 45 hektarojn,« li rakontas, »kiel vi scias, la Ufa-filmo« »F. P. 1 ne respondas« havas tre interesan agejon. F. P. 1 signifas Flug-Platformo n-ro 1, tio estas insulo konstruita meze en la Oceano, naĝanta insulo, kiu servos kiel stacio por aeroplanoj en la transoceana trafiko. La tuta filmo ludas sur tia artefarita insulo kaj por doni en la filmo la iluzion de tia naĝanta insulo, ni elektis la insuleton Oie kaj preparis en longaj tagoj kaj noktoj ĉion —«

»Ĉu sur tiu malgranda insulo loĝas entute homoj?« mi demandas scivole.

»Jes, precize 17 homoj loĝas tie. Kaj vi povas ja kompreni ilian miregon, kiam iun matenon grandega ŝipo proksimiĝas al la insuleto, kiam centoj da laboristoj komencas eklabori. La leviloj de la ŝipo levas el la profunda ŝipkorpo la plej diversajn aĵojn. Jen estas granda sonveturilo, pluraj elektro-maŝinoj, kies kapacito sufiĉus por lumigi malgrandan urbon, jen estas amasoj da reflektoroj kaj ĉiaspecaj lampoj, jen estas traktoroj, motorboato, aliaj grandaj maŝinoj, materialo ĉiuspeca, multaj tunoj da ferlado. Senĉese ni laboregis por ebenigi specialan terenon uzeblan kiel startejon kaj alteriĝejon por aeroplanoj. La loĝantoj de la insulo preskaŭ ne dormas pro scivolo kaj mirego. Sur la insulo leviĝas elegantaj hoteloj, vastaj domegoj por la aeroplanoj kun lumturo — tage kaj nokte brilegas elektraj lampegoj, bruas maŝinoj, tondras grandegaj marteloj — la agejo de la filmo estas preparata per la plej modernaj teknikaj rimedoj.«

»Jen fine giganta tasko por la filmarkitekto,« mi diras, »almenaŭ via fantazio konstruas ion eksterordinaran, ion kio atingos aŭ eĉ superos la filmon »Metropolis«...«

Post tiaj interesegaj informoj mi faras malgrandan rondiron sur la ŝipo. Mi volas paroli ankoraŭ kelkajn vortojn kun la reĝisoro Hartl, antaŭ ol ni atingos la

*Sur la vaporŝipo: operatoro Rittau leganta, post li la sonestro Thiery. Antaŭe Conrad Veidt kaj Hans Albers.*

insulon Oie. Bona humoro regas sur la ŝipo, la suno brilas tre serene, blankaj mevoj ĉirkaŭflugas kaj akompanas la filmistojn. Sed sinjoro Hartl kuŝas sur benko kaj ronkas. Certe li estas laca kaj laboris la tutan nokton. Kia malfacilega tasko turni tian filmon en tri lingvoj samtempe: germane, france, angle!

Kiel mi aŭdas de s-ro Boyer, franca aktoro, hodiaŭ estas speciale festa tago. Ĉar hodiaŭ la unuan fojon oni elprovos la flughavenon de Oie. La unua aeroplano transflugos la maron por alteriĝi sur la naĝanta insulo F. P. 1.

»Estas mia plej interesa filmo, kiun mi travivas,« rakontas entuziasme Boyer. »Regas tia ĝojiga atmosfero kaj harmonio inter ĉiuj laborantoj, eĉ inter la ploj simplaj laboristoj kaj lumigistoj, ke la vojaĝo al tiu insulo ĉiam ŝajnas al mi kiel bela sonĝo...«

Ni alvenis. La ŝipo albordiĝas ĉe speciala kajo. Tuj



*Sur la ferdeko: la reĝisoro Karl Hartl perlaboris dolĉan dormeton.*

komenciĝas febra laborado. Min interesas speciale la konstruaĵoj, kiuj jam de malproksime estas videblaj. La flugplaco aspektas kiel glata grandega pargeto. Ĉie laboristoj laboras, ili ekspedas maŝinojn, lampojn, materialon. La helpreĝisoroj, funelojn antaŭ la buŝoj, krias kaj kolektas la helpistaron. La reĝisoro nun subite estas viglega. Li parolas kun la sonestro kaj liaj helpantoj. Ĉio funkcias mirinde, ĉar ĉion oni priparolis jam tagon antaŭe. Mi apenaŭ trovas la tempon, por trinki en la kantino tason da kafo, ĉar jam sonas la sirenoj de la sonestro kaj ordonas silenton.

Post unu horo alvenas la sciigo per Radio, ke la unua aeroplano startis de Rügen kaj estas survoje por alflugi al Oie. Nervoza scivolo kaj atendemo regas ĉiujn. La malmultaj loĝantoj de la insulo forlasas sian laboron kaj alrapidas. Per lornoj ni febre observas la horizonton. Fine — jen ĝi estas! Malproksime malgranda nigra punkto, kiu rapide pligrandiĝas. Post malmultaj minutoj la motoro tondregas super niaj kapoj. Kvazaŭ grandega birdo la aeroplano rondflugas super la flugplaco. Malgrandaj flagoj montras la direkton de la vento, por ke la piloto sciu, de kiu flanko li devas surteriĝi, tenante sin ĉiam kontraŭ la venton. Ankoraŭ unu eleganta rondo, la helico ĉesas turniĝi, rapidege la aeroplano glitas malsupren kaj ruliĝas sur la flugebenon de F. P. 1. Ĉiuj krias hura pro entuziasmo, kiam la piloto eliras la maŝinon. La naĝanta insulo bonege elmontris sian taŭgecon kiel aeroplan-stacio...

Post plua horo du novaj pli grandaj aeroplanoj

aperas ĉe la horizonto kaj same elegante surteriĝas sur la insuleto. Kaj nun sekvas interesega laboro. Aeroplanoj ekflugas, alvenas, alportas pasaĝerojn, la internacia vivo komenciĝas sur tiu insulo meze en la Oceano, kaj la operatoroj turnas, turnas, la sirenoj eksonas, homoj krias kaj la suno ridetas senĉese de sennuba ĉielo sur tiujn interesajn hometojn, kiuj faras tie malsupre strangan ŝajnvivon, ian kuriozan bildaron, kian poste milionoj admiros en ĉiuj kinematografejoj de la mondo. Multaj malhelpoj kompreneble okazas, neantaŭviditaj, ofte tre humoraj kaj komikaj, kiam ekzemple de la proksima paŝtejo transkuras ŝafoj meze inter la aparatojn. Kompreneble, ĉar la paŝtisto daŭre pro scivolego vaĝaĉ-staras inter la filmistoj...

| | |
|---|---|
| *Sentas la poŝoj* | *Preskaŭ por groŝoj* |
| *Tiklojn kaj vibrojn* | *Donas ses librojn* |
| *AELA* | |

Tiel laboras stabo de 160 personoj tagon post tago. Vespere reveninte de la laboro la plimulto preferas enlitiĝi. Sed aliaj restas kaj agrable pasigas la vesperon en la hotelo. Veidt kaj Lorre ekzemple (Lorre, la danĝera murdisto el la Langfilmo »M«) pasie ludas Ping-Pong kaj ili estas konataj kiel nevenkebla paro.

En Rügen kompreneble ĉiu infano scias, ke vespere revenas la filmistoj de la insuleto Oie. Amasoj da homoj kolektiĝas ĉe la kajo. Aŭtograf-ĉasistinoj rikoltas abunde. Kaj precipe kiam aperas la aktoro Hans Albers, la junularo komencas kriadi kaj kantadi la kantojn el liaj filmoj, speciale la tre konatan kanton: »Tio estas la amo de l' maristoj«. Oni akompanas la filmistojn ĝis la hoteloj. Nepriskribebla entuziasmo regas ĉie.



*Vespere oni ludas Ping-Pong. Conrad Veidt kaj Petro Lorre estas timinda paro.*

Sed mi estas tiel laca pro la multaj travivajoj sur la mirakla insulo, ke mi deziras ripozi. Sed unu aferon — mi subite ekpensas — mi tute forgesis demandi: kial F. P. 1. ne respondas? Kial ĝi silentas? Io mistera kaj danĝera ŝvebas super tiu artefarita insulo, io kio haltigos nian spiron kaj streĉos niajn nervojn, io neeldirebla...

*Vespere homamaso, precipe junularo de Rügen atendas la popularan Hans Albers. Ili akompanas lin kun konataj filmkanzonoj ĝis lia hotelo.*

# Intervjuo kun Rudolf G. Binding

Intervjuojn pri Esperanto kun eminentuloj sur la literatura kampo oni jam legis ofte en L. M. Sed dum ke antaŭaj intervjuistoj devis elserĉi la heroon, aŭ, por tiel diri, kapti la leonon en lia kuŝejo, en la nuna okazo la eminenta persono propravole enmarŝis en la reton, komprenenble alicele. Li troviĝas sub mia tegmento, kaj memorante la instrukciojn de la redaktoro dum la L. M.-kunveno en Parizo mi eluzas la oportunon.

Estas la eminenta germana poeto kaj verkisto Rudolf G. Binding, kiun ni havas la honoron gastigi por la semajnfino. Li vizitas Anglujon, laŭ invito de London, Oxford, Birmingham kaj Liverpool, por prelegi el siaj verkoj en la germana lingvo antaŭ la germanaj literaturaj rondoj de tiuj universitatoj.

Ni sidas post vespermanĝo, la vento muĝas ekstere, la pluvogutoj frapas kun bruo sur la fenestraj vitroj kaj ni babilas.

Binding estas tipa homo el la germana antaŭmilita aristokratio. Lia mondrigardo ankoraŭ ne dronis en la postmilitan sovaĝan materialismon. Li bedaŭras ekzemple la mankon en nuntempa Germanujo, kaj en ĉiuj aliaj landoj, de tiuj grandpensaj virinoj, kiuj kreis la Salonojn de la aristokratoj de pensoj kaj kiuj havis tian noblan influon sur la juna generacio.

Mi aŭdas de mia edzino, ke ŝi multe ĝuis la novelojn de Binding jam antaŭ dekdu jaroj. La poeto mem tamen preferas siajn postmilitajn verkojn, precipe tiujn kiuj aperis antaŭ nelonge, »Erlebtes Leben« — »Unsterblichkeit« — »Keuscheitslegende«, la novajn poemojn »Ausgewählte und neue Gedichte« kaj »Aus dem Kriege«.

Kaj dum ni priparolas diversajn aferojn politikajn kaj literaturajn, mi volas scii ĉu la poeto iam pripensis la neceson de help-lingvo por la mondo. La respondo estas negativa.

*Mi:* »Ĉu vi iam aŭdis pri Esperanto?«

*Binding:* »Jes, antaŭ kelkaj jaroj, sed ĝis hodiaŭ posttagmeze, kiam mi renkontis profesoron Collinson, mi tute ne sciis ke Esp. jam tiom progresis en sia evoluo. Mi surpriziĝis trovi tian eminentan filologon kiel Prof. Collinson, efektive uzanta Esperanton en siaj universitataj prelegoj kiel elementon de komparo en la evoluo de lingvoj, ankaŭ por montri, kiel lingvo povas adaptiĝi al komuna uzo, en la maniero de aliaj filologoj, kiuj uzas la latinan lingvon samcele. Tio jam estas granda paŝo por Esperanto.



György Buday — *Valpurgnokto 1932.*

Mi montras al la Verkisto plenan kolekton de L. M. en kiu li trovas poeziajn tradukojn de Heine. Li zorge tralegas unu, kiun li preskaŭ komprenas pro bona kono de la originalo.

*Mi:* »Ĉu tio ne konvinkas vin pri fakto, ke Esperanto estas vera lingvo.«

*Binding:* »Mi ne volonte cedos la nomon de lingvo al Esperanto. Lingvo devas esprimi vivantan animon de popolo. Tamen, ĉar Esperanto pretendas nur la rolon de help-lingvo, oni nepre devas ĝin respekti.«

*Mi:* »Ĉu vi opinias laŭ ĝia aspekto, ke ĝi taŭgas tiucele?«

*Binding:* »Tion mi ne povas juĝi unuavide, sed estas tute certe, ke por monda help-lingvo oni povas havi nur artefaritan lingvon, kiel Esperanto aŭ iun alian.«

*Mi:* »Kiel vi certigas tion?«

La verkisto nun eldiras tute novan kaj freŝan vidpunkton, kiu meritas esti speciale akcentata en Esperanta gazeto. Li atentigas, ke, se iu nacia lingvo iam ekludus tiun rolon de monda help-lingvo, la koncerna nacio de tiu lingvo perdus sian tutan rajton kaj aŭtoritaton en sia lingvo, ĉar ĝi fariĝus la proprajo de la tuta mondo, kaj tio estas ne dezirinda por iu nacia lingvo.

La verkisto plue vagadas en kritiko de Esperanto objektive. Li emfazas la valoron de nacia lingvo el sonsenca (Laŭtsinn) vidpunkto, kiun ĉiu natura lingvo posedas kaj kiu estis la natura komenca evoluo de la lingvo.

*Mi:* »Sed la bazo de Esperanto ja estas la naturaj lingvoj, sekve Esperanto ja nepre posedas iom el ĝi.«

*Binding:* »Mi ne povas imagi ke Esperanto enhavas multe da sonsenco, kvankam mi ne povas nei, ke eĉ la germana lingvo posedas nur certan procenton de tiu sonsenco, kvankam — diskrete — mi ne volas diri, en kia grado.«

*J. D. Applebaum.*



# OBSERVO

(X.) LA KONKURENCO DE LEGO. Se oni ekkutimas rigardi ĉion el la vidpunkto de l' konkurenco, oni portas ĝin ankaŭ en tiajn teritoriojn de la vivo, kie ĝi ne tute konvenas. Tiel estas ekzemple ankaŭ pri la lego. Du motivoj povas nin igi, ke ni legu iun libron: aŭ por plezuro, aŭ por tio, ke ni povu paroli pri ĝi. Nun estas modo ĉe la sinjorinoj en Ameriko, ke ili legas ĉiumonate certajn librojn, aŭ almenaŭ ŝajnigas tion; el ili kelkaj ellegas la librojn, kelkaj nur la unuan ĉapitron, kaj pluraj nur la recenzojn; sed ĉi tiuj libroj mem kuŝas sur ĉies tablo. Komprenenble ne temas pri ĉefverkoj. Ankoraŭ ne okazis, ke la libroklubo estus elserĉintaj *Hamleton* aŭ *Reĝon Lear*, kaj tiun monaton, en kiu ili opinios dezirinda iom konigi la verkaron de *Dante*, antaŭvideble ni ankoraŭ longe atendos. Ili legas nur mezkvalitajn, modernajn aferojn. Jen do, kion tia konkurenco rezultas — kaj ĉi tio eĉ ne estas la plej malbona, ĉar aliamaniere la respektivaj sinjorinoj legus multe pli malbonajn librojn, ol kiajn por ili elektas iliaj literaturaj papoj kaj majstroj.

(X.) KIA ESTUS VIDINTA PROUST ANGLION KAJ LA TIEAN VIVON — jen la temo de la nova libro de *André Maurois*, kies titolo estas: *La Coté de Chelsea*«. Ĝi estas propre Proust-parodio. Siatempe Proust eldonis volumon, en kiu li varias la saman temon en la stilo de pluraj diversaj klasikaj francaj verkistoj. Nun Maurois faras parodion pri Proust, sed tute ne moke. Tion li eĉ ne povas fari, ĉar ja ankaŭ li mem estas granda admiranto de Proust. Li nur verkas en la maniero de Proust, prezentante verkon, al kiu Proust mem eble donus la titolon de tiu ĉi artikoleto.

(X.) **LA KRITIKISTOJ PLENDAS en Francujo, ke** la nuna romano forturnas sin de la tradicioj de la granda Eŭropa romano. La hodiaŭaj romanistoj verkas ĉion alian (biografion, memkonfeson, socian diskuton plenigitan ĝis eposo, anim-analizon, propagandskribon k. t. p.) sub la nomo: romano, nur ne ĝuste tian verkon, kiu prezentus la evoluantan, moviĝantan *vivon* de *homoj*. La romano eniris en la vivon kaj la vivo elfluetis el la romanoj. La tradicion de la granda Eŭropa romano sekvas nur *Proust* kaj *Yoyce*, sed ankaŭ ili tiel, ke la skribitan mondon ili filtras tra si mem. Ĉu efektive perdiĝis la sekreto de l' kreo de la romanoj de *Thackeray, Balzac, Zola, Tolstoj* kaj *Dostojevskij*, kiam la verkisto kreis novajn mondojn el novaj figuroj? Kaj eĉ tiuj, kiuj volas reiri en niaj tagoj al la granda Eŭropa romano kaj kolektas en kajeretoj la notojn viditajn en la vivo, opinias superflua tralabori ilin je verkoj kun memstara koncepto, sed eldonas, tiel nude — la notojn mem. Anstataŭ verko, krudan materialon kune kun la segajo kaj rabotajo. Ĉu pravus la francaj kritikistoj?

(X.) NOVA FRANCA LITERATURA GAZETO SEMAJNA aperis antaŭ ne longe en Parizo, sub la titolo: »*Marianne*«. Ĝia programo estas belega: en 1932—33 estos publikitaj la novaj romanoj de Georges *Duhamel* kaj Roger *Martin du Gard*, la Voltaire-biografio de André *Maurois* kaj la verkoj de pluraj aliaj eminentaj francaj verkistoj. La reklamo de la gazeto komenciĝas jene: »*Nia gazeto sciigos tion, kion pensas André Gide, Caillaux, Paul Valery, Painlevé k. t. p., kaj ne tion, kion pensas Coty, Louis Marin, aŭ generalo Catelnaŭ*«.

(X.) »JEN KIEL ONI AMAS EN AMERIKO« — ĉi tiun titolon skribis sur la titolpaĝon de sia nova libro *Michael Arlen*. La titolo iom trompas la leganton. Car la temo: kiel la amerika bofratino trenas sian eŭropan bofraton gaste alveninta tra la spirhaltige kuranta socia vivo de la New-Yorka »supra dekmilo« — entenas multe pli da tipa Arlen-aĵo, ol da amerika gusto. Sed ne grave. Tamen ĉio ĉi tio estas tre amuza. Kaj nun jam ni atendas nenion alian, ol ke Arlen baldaŭ vere skribu por ni: kiel do oni amas en Ameriko.

(X.) EIN MILLIONÄR IN SOWJETRUSSLAND de *Ilja Ilf* kaj *Eugen Petrow*. Ĉi tiu gaja sovjetromano signifas la elekton de novaj vojoj en Ruslando. En la plej multaj nunaj rusaj romanoj ni renkontas — jen por, jen kontraŭ — tro multe da politiko kaj socialfilozofaj vidpunktoj. Nun ĉi tiuj du aŭtoroj rakontas sub la supra titolo la historion de *Ostip Bender*, al kiu ne plaĉas la patrolandaj cirkonstancoj kaj volus elmigri al *Rio de Janeiro*. Sed por tio li ja bezonas monon. Li ekscias ke en *Cernomovs* vivas certa *Korejko*, kiun oni konas kiel modestan libroteniston, sed kiu reale estas posedanto de multege da mono. Kaj la milionojn li gardas en kofro. Per ruzaj artifikoj li influas Korejkon, ke li donu al li unu milioneton. Poste li ekiras al la feliĉo. Sed ĝis tie estas longa la vojo. Nur tra interesaj aventuroj li atingas la landlimon. Kaj tie oni prenas de li la monon. Ostip Bender neniam povas veni al Rio de Janeiro... Plej interese estas, ke *Lunaĉarskij* verkis postparolon al la libro. Kaj en ĝi el sovjeta vidpunkto li salutas la romanon. Enigmo, pro kio. Ni povas imagi eble pli bonan sovjetpropagandon, ol tiu ĉi historio verkita kelkloke kun murda ironio.

(X.) WERUTERU NO KANASHINI — ĉi tiun belan titolon ricevis la romano de *Goethe*, la »Suferoj de Werther« en tiu japana traduko, kiu nun aperis. Tuta amaso da germanaj libroj nun aperis japane. Oni eldonis ĉefe historiajn kaj literaturhistoriajn verkojn. Interalie la librojn de *Gundolf*, Max *Weber*, *Burckhardt* kaj Emil *Ludvig*. Krome aperis romano de Hermann *Hesse* kaj pluraj skandinavaj verkoj de *Brandes, Andersen* kaj *Strindberg*.



György Buday — *Ĉampiono kaj laŭro*

## »LEŜEHRADEUM« EN PRAHA

Kultura kaj literatur-historia arkivo »Leŝehradeum« en Praha estis malfermita por la publiko en la jaro 1926 en propra konstruaĵo. La arkivo enhavas pli ol 50.000 manuskriptojn de proksimume 10.000 personoj (de la jaro 1250 ĝis 1932), pli ol 4000 elektitajn librojn (inkunablojn k. s.), kolekton de medaloj, desegnaĵojn ktp. En la arkivo estas reprezentita per manuskriptoj ĉefe literaturo ĉehoslovaka kaj de cetera Eŭropo, scienco kaj arto, krome historia periodo de la tridekjara milito, de la napoleona kaj tutmonda militoj. El atmosfero de internacia lingvo estas tie reprezentitaj diversaj provoj de mondlingvo, ekzemple Homographie de Lady Sophie Scott, ĉeĥaj lernolibroj kaj gazetoj volapükaj, informoj kaj publikaĵoj el la unua epoko esperantista, el la komenco de iliaj societoj, ilia korespondaĵo ktp. La fondinto de la arkivo, verkisto Emanuel Leŝehrad, Membro de la Honora Komitato de Ĉehoslovaka Asocio Esperantista, direktas kaj kompletigas tiujn kolektojn, kiuj estas alireblaj por vizitantoj kaj por studo ĉiun dimanĉan antaŭtagmezon. En »Leŝehradeum« estas aranĝataj ankaŭ okazaj kulturaj prelegoj kaj fakaj ekspozicioj.

*GYÖRGY BUDAY*

juna hungara lignogravuristo estas la kreinto de la lignogravuraĵoj, kiujn ni publikigas en ĉi tiu numero. Multaj sukcesoj, ankaŭ ekster Hungarlando estas jam rikoltitaj de ĉi tiu juna talentulo, kiu estas vere *kredanta* artisto por kiu la arto ne estas ludo kaj amuzo, sed sange fatala homa konfeso. *A. B.*

# MIA ANGULO

— JULIO BAGHY —

## Ĉu Ido aŭ Poliglot? Ne! Desperanto

(Versajo, verkita laŭ la Poezia Fakvortaro de K. Kalocsay kaj G. Waringhien.)

La bruska burgo, orgojla fortreso:
la FUNDAMENT' morozas sur la mont'
k infre semas sur ruroj, novaloj
doktecon — LITERATURA MOND'.
Analoj diras, dum pluraj dekadoj
nur stagnis la poltrona oldular';
la baĉeloroj aprecas etoson,
de streta pado hastas al la skvar'.

»Ci, turpa lingvo, povrul', ESPERANTO,
Ci, plumpa trampo en trivita vest',
el mond' rilegos vin ni sen rimorso
k stridos de easto ĝis uest',
ke forcas ni la progreson, sed promptan,
per bunta pimpa pompo de l' Parnas',
la lantan takton ni vringos, sepultos
k ESPERANTO estos nur — fatras'.
Jam ĉio licas. Obskuran tenebron
opresos la etos' de l' primaver'.
Acerbaj dupoj ne povas prohibi
avancon k devancon kun leĝer'.
Benignan prancon, beletran degnon
delice vi delektos per erud'.
Nur pigra gento egardas paseon
estante fole febla por la stud'.
Kontemplas li: »Ĉu friŝtiki aŭ pranzi
k kiomfoje vikti dum diurn'?«
Li drole giras kazue pri l' saĝo,
drogmanon spekte serĉas kun kapturn'
k jelpas: »Lernis mi jam du dekadojn,
komprenis min eĉ nigra hotentot'
k kun pelmelo mi paŭtas dum gvatado:
ĉu ESPERANTO iĝis POLIGLOT'?«

Ho, damoj k senioroj, oldulo
hororas pro superbo de l' enorm';
lin desapontas prodigo de l' degno
k kriĉas: »Resurekt' de IDO-form'!«
Responsan dupon serĉadas tardinto,
k li morozas kun senapreca gap',
ĉar dum lin premis al IDO-kosmaro,
kredencis ni nektaron en hanap'.

Jes! Ni ne negas, ni rigas veselon,
ostentos voston de nia Pegaz'.
Post lanĉo, Junaj, al poŭpo koheru;
Olduloj plonĝu k ek al Parnas'!
Ni ne gaskonas. La sun' de l' fortreso,
la NeTUŜEBLA LINGVA FUNDAMENT',
descendos balde k estos kaputa
la rond' gemuta de l' notora gent'.
Futuron forcas ni. El la prizono
eskapis ni por pluki kun tenac';
la POEZIA FAKVORTARO servu
pri plena kripo kiel nur — prefac'.
Ni temerare agresas! Erudu!
Olduloj tramplu, knaku pro rankor'!
Konfrontas ni parcimonan paseon
k prozan nunon spite al rumor'.
Nin ne molestas ilia klamado;
softiĝos ĝi pro nia desapont':
kultivas lingvon k haŭlas veselon
la novaj Leau, Couturat k Beaufront.
La prominentaj lucidaj ĝenioj
jam levas cenotafon por vivant';
la kurtan moton ni konas de jaroj:
»Hej, vivu IDO! Bas, bas, ESPERANT'!«

Kaj nun permesu prozan demandon en komprenebla lingvo: ĉu vi konsentas pri tia perforta evoluigo kaj IDO-igo de nia lingvo?

Ne miru do, se lastatempe multaj batalantoj forlasis la movadon kaj ne miru, se vi konstatos, ke Esperanto fariĝis la plej malfacila lingvo el la lingvoj. La literaturo, kies ĉefa tasko estus prilabori la lingvon el ĝiaj naturaj elementoj kaj gardi la unuecon, uvris aŭ apertis aŭ simple malfermis la vazistason (?) por la lingva anarhio. Jen unu el la principaj kaŭzoj, kiu devigis min rezigni pri la ĉefredaktora titolo de L. M.

# D I S K U T O

## KARA BAGHY!

Certe, via poemo havas sovaĝan aspekton. Sed, ĉu vere tiel aspektas la stilo de L. M.? Nu, ne. 130 neologismojn vi amasigis en via *so'a poemo*, sed el ĉi tiuj nur 18 aperis en *du plenaj jarkolektoj* de L. M. Do, se vi intermiksas la Parnasan Gvidlibron kun L. M., vi evidente tiom troigas, kiom vi kutimas, kiam vin kuntrenas via pasio.

Kaj mi devas korekti tion, ke la troo da neologismoj estis la sole dirinda principa kaŭzo, kiu vin devigis abdiki pri la ĉefredaktoreco. Estas vere, ke vi kelkfoje parolis kontraŭ la neologismoj, sed ni, nia kulpo, ne konsideris tion tro serioze, ĉar ankaŭ vi mem ne malofte uzis novajn vortojn en viaj verkoj, do ni opiniis, ke vi apartenas al tiu ne malofta speco de esp-aj verkistoj, kiuj *teorie* kondamnas, *praktike* uzas neologajn vortojn. (Ekzemple: la vortoj: *pimpa, spekti, eskapi,* troviĝantaj en ĉi tiu poemo, estas prenitaj el viaj verkoj; ili estas tute ne pli necesaj, ol kiu ajn el la ceteraj.) Kaj *neniam* vi starigis nin antaŭ la alternativon: »aŭ mi, aŭ la neologismemo.« Kvankam evidente vi estus devinta tion fari antaŭ via definitiva decido, se la neologismemo estus vere principa kaŭzo de via abdiko.

Ni devas do diri, ke la principaj kaŭzoj de via abdiko estis aliaj. Mi ne malkaŝos ĉi tiujn kaŭzojn, ĉar tio estas viaj tasko kaj rajto, ne la miaj. Eble vi diros ilin en alia »Mia Angulo«.

Mi tre bedaŭras, ke mi devis vin tiel senigi de la *plej populara* kaj *taktike plej oportuna* motivado de via abdiko. Sed ĉi tiun motivadon vi faris en formo de atako, do vi ne povas koleri, se ni defendas nin kontraŭ la atako. Fakto estas, ke via unua decida malaprobo kontraŭ la neologismoj venis al ni kun ses aliaj kaŭzoj de abdiko, en via abdika letero.

Sed, mi neniam ŝatis personajojn, precipe estus malagrable kvereli kun vi, al kiu mi sentas ankaŭ nun amon kaj amikecon. Mi do finas ĉi tiun senbenan disputon.

Permesu tamen, ke tute senemocie mi ree parolu iom pri la neologismoj. Mi klopodos esti plej klara kaj mi esperas, ke mi povos vin konvinki, se — vi konsideros miajn vortojn same senpartie kaj senemocie, kiel mi diras ilin.

Estas evidente, ke inter la lingvaj bezonoj de la propagandistoj kaj poetoj estas nerepacigebla antagonismo. Kaj estas sendube, ke ambaŭ partioj estas pravaj. La propagandistoj rajte postulas simplan lingvon, ĉar la simpleco havas antaŭ la komencantoj altan propagandan valoron. Sed aliflanke, la poetoj prave diras, ke la lingva malriĉo starigas antaŭ ilin netraireblajn malhelpajojn, kiam ili volas senmanke interpreti la grandajn ĉefverkojn de la mondliteraturo. Ekzemple la principo: »unu ideo — unu vorto« por la propagandistoj estas grandioza avantaĝo, sed por la poetoj ĝi estas vera plago; parolante pri *vojo,* la itala poeto povas elekti inter *cammino, calle, sentiero, strada, via,* al kiuj respondas kvin diversaj vastaj rimgrupoj, dum la esp-a poeto havas nur la vortojn vojo kaj vojeto, do du rimgrupojn, el kiuj unu estas tre malriĉa. (Strato, aleo, ŝoseo ktp. estas neuzeblaj pro ilia severe fiksita senco.) Same: ke esp-o laboras per malgranda radikaro kaj vasta sufiks-uzo, tio estas tia gajno,

kiun oni devas tre altetaksi el la vidpunkto de la simpleco. Sed por la poeto ĝi estas granda malavantaĝo, ĉar rezultigas tre multajn vortojn finiĝantajn per sufiksoj, kaj ĉi tiuj sufiksoj plej ofte havas tre malmultajn rimkunulojn, krome ili tro longigas la vortojn.

Multajn aliajn aferojn, eble eĉ pli gravajn, mi povus ankoraŭ citi, sed ankaŭ la du supraj sufiĉas por klarigi, kial ĉiuj ĝisnunaj poetoj estis pli aŭ malpli neologismemaj. (Tiu *pli aŭ malpli* dependis ne tiom de ilia anima strukturo, kiom de la *taskoj*, kiujn ili entreprenis.)

Se vi konstatis la supre diritan antagonismon, (kaj mi ne povas kredi, ke vi ne konstatis), vi devas decidi dumaniere:

1. Tute rifuzi la rajton de Esperanto por poezio, aŭ permesi maksimume facilajn, senpretendajn poemetojn, sed rekte malpermesi grandajn taskojn, kiuj nepre tentus la entrepreninton por neologismaj ekscesoj.

2. Lasi al la poetoj liberan manon, sed samtempe apartigi la poezian vortprovizon de la vortprovizo vulgara.

Nia kulpo estis, ke en ĉi tiu dilemo ni elektis la duan eblajon.

Via akuzo pri la »resurekto de Ido-formo« do estas ree troigo. Ido *ŝanĝis*, ni *aldonis*.* Ido ŝanĝis la *komunan* lingvon, niaj aldonoj rilatas nur la lingvon *poezian*.

Sed ĉu tiuj poeziaj vortoj ne penetros en la komunan lingvon, ĝin nenecese komplikante, malfaciligante — vi povas demandi.

En la decembra numero de L. M. mi okupiĝis pri ĉi tiu demando. Laŭ mia opinio, el la ekzemplo de la naciaj lingvoj oni povas certiĝi, ke la perfekta apartigo de la poezia vortprovizo estas ebla. Estas sendube, ke apud la *komune uzata* vortprovizo povas estiĝi *komprenata* vortprovizo, uzata nur en poezio kaj alta prozo. Tia apartigo jam ankaŭ nun estas observebla pri certaj formoj: la elizion de o-finaĵo, la formon *ĉi* anstataŭ *ĉi tiu* oni uzas nur en poemoj, en prozo ili estas rekte ĝenaj. Same ĝenaj estus en simpla parolo, gazetartikolo, facila legaĵo, amuzliteraturo la formoj: *damo, orgojlo, primavero* ktp. Kaj se vi trarigardos miajn nepoeziajn verkojn (ekz. Lingvo Stilo Formo), vi povos vidi, ke en ili mi ĉiam severe min tenis al la vortprovizo de la Plena Vortaro, eĉ, mi riskas diri, pli severe ol vi.

Por garantii la apartigon de la poeziaj vortoj, estas necese nur, ke la vortaristoj marku ilin per steleto aŭ alia signo, kiel ni faris tion en la Parnasa Gvidlibro, kaj ke ili donu apud ili ankaŭ la samsencan vorton faritan el oficialaj elementoj. Tiel komencanto neniam uzos ilin en simpla teksto.

Krome, ĉar ĉiu verkisto povas pretendi de sia leganataro nur la scion de oficialaj vortoj, li devas, en sia propra intereso, listigi en sia libro ĉiujn poeziajn vortojn uzitajn kaj klarigi ilin per la oficiala vortprovizo. Tiamaniere ĉiu legemulo iom post iom facile lernos la poeziajn vortojn, kaj eĉ tion, ke ili estas vortoj poeziaj. Kaj la lego de verkoj, kiuj enhavas poeziajn vortojn, ne postulos de la leganto grandan antaŭan vortlernadon aŭ poliglotecon, sed simplan okazan foliumadon en la listo de novaj vortoj. En ĉi tiu foliumado la leganton malhelpos nek tio, ke li estas orientano, nek tio, ke li estas laboristo, li devas, sendepende de ĉio, havi nur sinceran ŝaton al la poezio, kaj la rekonon, ke la poezio estas nobla lukso, ĝia vortprovizo do ne estas kritikebla el la vidpunkto de severa neceso kaj praktika simpleco, kiel la vortprovizo de la komune uzata lingvo, en kiu ĉi tiu vidpunkto devas esti nepre gardata kaj zorgata.

La vortprovizo de Esperanto tiel povas trankvile pligrandiĝi, sen ia danĝero de lingva anarkio, la poezia lingvo povas evolui tiagrade, ke ĝi ne staros plu senhelpe antaŭ vere grandaj taskoj. Fuŝe faritaj vortoj malaperos senpostsigne, ĉar ili ne estos uzataj de novaj poetoj. Vortoj uzitaj de valoraj aŭtoroj en valoraj verkoj, se ilin neniam plu uzos alia aŭtoro, fariĝos kvazaŭ la propraĵo de la respektiva aŭtoro, kiel tio okazas ankaŭ en la naciaj literaturoj; kaj oni eĉ ne bezonos eldoni apartajn vortarojn de aŭtoroj, kiel en naciaj lingvoj, (Dante-Vortaro, Shakespeare-Vortaro), ĉar, se ĉiu aŭtoro konscience klarigos siajn neologismojn, ĉiu fariĝos sia propra komentarianto, la leganto devos nur anstataŭigi la *vorton* per la *klarigo*.

* La sola *ŝanĝo* en via poemo estas la formo *balde*. Sed ĉi tiun formon mi neniam uzis kaj neniam proponis ĝis nun.

Tia tute libera evoluo havas valoron ne nur el la vidpunkto de la poezia lingvo, sed ankaŭ el la vidpunkto de la estonteco. Esperanto tiel povas trankvile sin prepari por la tempo de sia ĝenerala disvastiĝo. Ĉar por tiu tempo, laŭ mia opinio, nepre validos la saĝaj vortoj de *Eugeni d' Ors*: Mi ĉiam havis la konvinkon, ke bona universala lingvo ne povas troviĝi en la neceso esti simpla: ĉar sufiĉe utila rezultus ĝia kono, kaj sufiĉe ĝi ŝparus aliajn laborojn, por ke valoru la penon venki kelkajn malfacilaĵojn plie en la lernado, kun bono por la plej granda rezultato.« (Kataluna Antalogio, pĝ. 350.) Vere, Esperanto, kiel triumfinta helplingvo, povos permesi al si la lukson de granda vortriĉeco. Kaj ĉi tiun vortriĉon li trovos preta en la poezia lingvo. Sed ĝis tiam tiu vortriĉo estos kvazaŭ kaŝita en la poeziaj ĉefverkoj de la lingvo, kaŝita tute sendanĝere, forfermita de la komuna lingvo, kien penetri ĝin malhelpos ĝuste la malperfekta lingvoscio de la esp-istoj.

Nun, kion diru la propagandisto? Mi kredas, li povas paroli jene:

Esperanto estas lingvo fabele facila, simpla, internacia en siaj elementoj, ktp... La regula uzado de sufiksoj ebligas, ke oni esprimu per ĝi ĉion per relative tre malgranda vortprovizo. Kompreneble, kiu volas Esperanton uzi ne nur por ĉiutagaj bezonoj, aŭ por la lego de simpla aŭ amuza literaturo, sed volas legi tradukojn de literaturaj ĉefverkoj, tiu devas iom plivastigi sian vortkonon per la poeziaj vortoj

Jes, tiaj vortoj ekzistas, sed ne kredu al tiuj, kiuj diras, ke pro ili Esperanto estas la plej malfacila lingvo de la mondo. Kiom ja estas tiuj kelkcentoj da vortoj, rilate al la 40.000 vortoj de Shakespeare! Krome, ili eĉ ne postulos de vi tro grandan penon de antaŭa lernado, ĉar la esp-aj poetoj estas tiel komplezaj, ke ili klarigas en siaj verkoj ĉiujn vortojn ne apartenantajn al la komuna lingvo.

Je tiu ĉi oracieto la aŭdanto diros

aŭ, ke li bezonas Esperanton nur por ĉiutagaj bezonoj, internaciaj interritaloj ktp. do lin tute ne koncernas kion faras tiuj konfuzkapaj poetoj,

aŭ, ke li ŝatas la poezion kaj trovas tute komprenebla, ke la vortbezono *arta* estas pli granda, ol la vortbezono ebliganta simplan komprenon.

Ĉu mi eraras esperante, ke post la atenta tralego de la supraj vortoj oni malpliigos sian abomenon kontraŭ la poeziaj neologismoj? Mi kredas, eble ne! Ĉar mi estas konvinkita, ke tiu abomeno devenas ne tiom el maldiligento, el antipatio kontraŭ novaĵoj, kiom el la honorinda timo pro la danĝero, per kiu la neologismoj minacas la lingvon. Kaj mi esperas, ke per la supraj vortoj mi sukcesis montri, ke ili timas danĝeron, kiu efektive ne ekzistas.

Eĉ, tia apartigo de la poezia vorttrezoro povas helpi al la simpligo de la komune uzata lingvo. En la oficiala vortprovizo troviĝas multaj vortoj, kiuj ne estas necesaj por simpla kompreno, sed kiuj naskiĝis evidente el artismaj klopodoj. Mi povus ĉi tie listigi almenaŭ kvindek vortojn, kiuj trankvile estus markeblaj per la signo de poeziaj vortoj. Kaj ĉi tiu principo certe helpus la Akademion en la embaraso, kiun ĝi sentas pri la poeziaj vortoj zamenhofaj. Ili plejparte estas tute nenecesaj en la komuna lingvo, sed nepre prenindaj en la liston de la poeziaj vortoj. Mi estas certa, ke la Akademio pli aŭ malpli frue devos starigi tian liston apartan, ĉar oni ne povas senfine grandigi la *trunkon* de la lingvo.

Mi ne estas kaj neniam estis blinda fanatikulo de miaj propraj argumentoj. Tre volonte mi revizias miajn opiniojn, se oni konvinkas min pri ilia malĝusteco. Sed tion oni devas fari per argumentado, kaj ne per pli-malpli sukcesaj mokoj, aŭtoritata Jupitra tondrado, komparoj

al Beaufront ktp. Mi kredas, ke mi sufiĉe laboris por la lingvo, ke oni ne dubu pri miaj honestaj intencoj. La plej belajn jarojn de mia vivo mi oferis por Esperanto, en ĝi kuŝas mia tuta vivoverko, ĝia neniiĝo estus la neniiĝo de ĉio, kion mi plej fervore faris dum mia vivo. Estas tute ridinde supozi, ke mi volus malutili al io, al kio mi estas ligita kun mia tuta koro.

Karaj legantoj, kara Baghy! Bonvolu atente konsideri kion mi skribis. Bonvolu montri al mi la malĝustajn flankojn de mia rezonado. Precipe vi, kara Baghy, al kiu min ligas tiom da belaj memoroj de kuna laboro, bonvolu nun, unufoje, juĝi tute senpasie. En ĉi tiu espero mi restas, malgraŭ ĉio, tre amike kaj sincere via:

*K. Kalocsay*

# NIA POŜTO

La nunan numeron ni sendas al ĉiuj niaj abonantoj, ankaŭ al tiuj, kies abono ne alvenis. Ni per tio volas rapidigi la alvenon de la gazeto kaj esperas, ke kelkaj hezitemaj samideanoj rememoros, ke nia gazeto estas tamen la plej bela kaj ni forte kredas, ke ankaŭ la plej interesa en nia movado, ni do meritas ankaŭ plu vian subtenon. La februaran numeron ni sendos nur al la pagintaj abonantoj.

*J. Krumins, Riga.* Volontege ni akceptos, se iu konata latva pentristo konkursos por la venontjara titolpaĝo. Same ni akceptos bonajn kliŝojn de vi kun koncernaj artikoloj. Preserarojn ni de nun ege atentas. Pri neologismoj legu nian unuan artikolon, sur pg. I. kaj ni esperas, ke vi estas kontenta.

*Latvaj abonantoj.* Ni insiste informas vin, ke vi povas bone uzi nian ĉekkontom, montratan inter la reprezentatoj, por pagi kiun ajn mendon, AELA-kotizon, Literatura Mondo abonon ktp. Eble vi klopodos eluzi tion post longtempa malsato.

*Al la abonintoj*, kiuj bonvolis sendi novjarajn salutvortojn, ni kore dankas. Ni esperas, ke ni povos daŭrigi per ilia kaj ĉies helpo nian laboron.

*

RECENZOJ de nun estos publikigitaj ne en la revuo mem, sed en aparte eldonota »BIBLIOGRAFIA GAZETO«, aperonta jare kvar fojojn. Ĉi tiun gazeton la abonantoj de L. M. ricevos kiel senpagan kvaronjaran aldonon. Enla revuo oni trovos nur liston de la aperintaj libroj.

La unua numero de la BIBLIOGRAFIA GAZETO aperos en februaro.

*

*B. Price Heywood.* Koran dankon, vi estas prava. »Brikoj« aperos en februaro.

*H. Rikand, Rakvere.* Bedaŭrinde la parolo de K. havis nenian rezulton krom momenta propagando.

### La unua libro de AELA

post kelkaj tagoj forlasos la presejon kaj post eble jam du semajnoj estos en la manoj de niaj proksime loĝantaj membroj. Ni faris ĉion, kio nur estis ebla kaj vi vidos, ke ni plenumis niajn promesojn ne nur plene, sed eĉ pli, ol ni promesis. Tiun superplenumon ebligis al ni la entuziasma amaso da esperantistoj, kiuj pruvis, ke estas ankoraŭ eĉ en la nunaj krizaj tempoj samideanoj, kiuj volonte legas kaj volonte aĉetas bonajn librojn per pripagebla prezo.

Nun ni ne volas forgesi memorigi tiujn, kiuj sendis jam aliĝdeklaron, ke ni nur tiuokaze povas uzi kaj uzigi la plej favoran kotizon, se la poŝta dato de la ekspedo de mono estas plej malfrua la *1-a de februaro*. Ne forgesu do tium daton kaj sendu la monon kaj aliĝilon frue!

Kun multaj salutoj
Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj

# ANONCETOJ

P. FLAGEUL: *Lernolibro de Esperanta Stenografio laŭ la sistemo Duployé.* 4-a eldono. 16 paĝoj. Prezo 1 resp. kupono. 9, Boul. Voltaire, Issy les Moulineaux, Seine, Francujo. Ankaŭ la nova kajero pruvas pri la fervora agado, kiu estas spertebla flanke de s-ro Flageul en la disvastigo de tiu ĉi geometria sistemo, kiu disponas ankaŭ pri aparta gazeto »Fluganta Skribilo«.

KATOLIKA INFORMOFICEJO INTERNACIA informas senpage pri la katolika kredo pere de l' korespondantoj H. Paruzel, kolegio de P. P. Oblataj en Lubliniee, Silezio Polujo kaj M. Goossens, Nobelstraat 10, Brielle, Nederlando.

# POŜTO DE LA ENCIKLOPEDIO

*Al ĉiuj niaj kunlaborantoj.* Preskaŭ la duono de la manuskriptoj jam troviĝas en la manoj de la redaktoroj, do ni finis almenaŭ la duonon de nia laboro. Sed estas ankoraŭ multaj fakoj kaj kelkaj landoj, kies manuskriptojn ni atendas. Eldono de la Enciklopedio estante en la eldonplano de AELA ni devas nepre aperigi tiun gravan verkon je fiksita tempo, do ni petas ĉiujn kunlaborantojn, laŭeble ne transpaŝi la fiksitan limdaton. Ni konsilas al ĉiuj, bonvolu doni la artikolojn por legado al du-tri kompetentuloj, kiuj montru eĉ la etajn erarojn kaj rimarku la mankojn. La nomoj de tiuj kunhelpantoj aperos en la Enciklopedio. La eldonejo permesas ankaŭ publikigon de niaj artikoloj en gazetoj antaŭ la apero de la verko, kondiĉe, ke estu rimarkata, ke la legantoj bonvolu ensendi al la aŭtoro siajn rimarkojn kaj kritikojn. — *S-ino Isbrücker, Hago.* Ni atendas vian artikolon pri pacifismo. — *Sudamerikaj samideanoj.* Ni ne havas kunlaboranton en Sudameriko por ĉiu lando, sed ni danke akceptas manuskriptojn mallongajn pri la historio de E en ĉiu opa lando. Sed ne prokrastu longtempe. — *S-roj Azorin, Cordoba, Schoofs, Antwerpen, Nylén, Stockholm, Arnessen, Oslo, Indra, Riga, Mc Cormick, Dublin:* Ni atendas viajn respondojn resp. manuskriptojn. — *E Instituto de Estonio.* La materialo pri via lando estas en ordo, ni nur atendas kelkajn biografietojn. — *S-ro Mudrak, Wien.* Ni donas al vi la petitan prokraston. — *S-ro Behrendt, Berlin.* Ni scias, ke via laborado estas unu el la plej ampleksa kaj ni tre ĝojas, se vi sendos viajn manuskriptojn post kelkaj tagoj. — *S-ro Won Kenn, Kanton.* Dankon por la kompletigo kaj ankaŭ por viaj klarigoj pri la stenografio en Ĉinujo. — *S-ro Lappi, Ristiina kaj Friis, Abyhöy.* Gratulon por la konscienca laborado! — *S-ro Wiesenfeld, Warszawa.* Ni devis forlasi nur tre malmulte, dankon pro la tre valora helpo. Ni atendas nun la biografiojn. — *S-ro Marich.* La redakcio kaj ankaŭ aliaj s-anoj interesiĝas pri via adreso. Kiu scius komuniki ĝin kun ni? — *S-ro Simon, Wien.* Ni atendas vian manuskripton pri la tuta aŭstria movado. — *S-ro Jakob, Genève.* Ĉu la artikolo pri UEA? Letero post kelkaj tagoj. — *S-ro Bruin, Enschede.* Ni petas ankoraŭ iom da pacienco. — *S-ro Facchi, Brescia.* Nun ni revizias la artikolon, ĝi estas konvena al la bezonoj.

VORTOJ NETROVEBLAJ EN LA PLENA VORTARO.
*Degni:* bonvoli fari ion por malaltranguloj.
*Descendi:* malsupreniri
*Humida:* malseka
*Incendio:* dombrulego
*Molesti:* daŭre ĝeni, malkomfortigi.
*Pakto:* reciproke deviga interkonsento.
*Sinki:* fali malrapide, kvazaŭ retenate.

Al nia hodiaŭa numero estas aldonata bela prospekto pri la eminta verko
**LA MORTO DE SMAIL-AGA ĈENGIJIĈ**
mendebla ankaŭ ĉe ni.

# PLI BONE OL VENĜI

## Dramo en tri aktoj

**KAN KIKUĈI**

AKTO I.

(La domego de Saburobjoe Nakagaŭa ĉe Taŭaramaĉi en Edo. Lunluma nokto frue en la aŭtuno de tria jaro de Enkjoo (1746).

Antaŭ la kurten-leviĝo kolera voĉo tondras: *Hundo! Senhonta Hundaĉo!* elingiĝo de glavo aŭdiĝas kaj bruo de rapide moviĝantaj piedoj. Kaj la kurteno leviĝas. La sceno prezentas la apartan pavilonon ĉe la domego de Saburobjoe Nakagaŭa. Maldekstre troviĝas bambua barilo, trans kies supro en iom granda distanco vidiĝas la ĉefloĝejo. Aŭtunaj herboj kreskas en la fronta ĝardeno. La pavilono estas ĉirkaŭata maldekstre kaj fronte de verando. Iom maldekstre estas ornamalkovo kun lakita kirasujo. Apud la alkovo staras bufedo kun du-folda ekrano staranta dekstre de ĝi. Kiam la kurteno leviĝas, Saburobjoe, grizkapa kaj svinganta longan glavon, penadas dishaki Iĉikuroo'n. Iĉikuroo, ŝirmante sin malantaŭ la ekrano, baraktadas por forkuri. La konkubulino, Ojumi, ŝtelmalfermante la glitpordon malantaŭ la ekrano, ŝajne intencas forkuri de tie.)

*Iĉikuroo* (per voĉo tremanta de malespero kaj fervoro). Pardonon, mia sinjoro. Mi ne estis mallojala. Absolute mi faris nenion mallojalan. (Protestante serĉas vojon por forkuri, sed ĉar la korto estas ĉirkaŭata de barilo, ŝajnas, ke kurante tien li nur donus al li sia persekutanto eblon por ke li svingu sian longan glavon, do li daŭre senespere ŝirmas sin malantaŭ la kolono.)

*Saburobjoe* (per stertora kaj streĉa voĉo). Fermu la buŝon. Fermu la buŝon. Vi, malkuraĝa hundo, petegi la vivon de mi.

*Iĉikuroo.* Malvero ĝi estas. Malvero ĝi estas. Ĝi ja estas granda — Tia afero kun la sinjorino — Ĝi ja estas granda eraro.

*Saburobjoe.* Sufiĉe!

(Saburobjoe saltas antaŭen kaj, evitante la kolonon, ekbatas. Iĉikuroo elturniĝas dekstren. Saburobjoe retiras la glavon kaj bat-atakas de dekstre. Iĉikuroo elturniĝas maldekstren.)

*Saburobjoe* (incitite). Diablo!

(Saburobjoe ĉirkaŭiras la kolonon. Iĉikuroo ĉirkaŭiras kun li tri aŭ kvar fojojn, poste li fine elpeliĝas el la malantaŭo kaj, saltinte malsupren de la verando, unu fojon ĉirkaŭkuras en la korto. Sed la heĝpordo estas fermita. Se li haltus por ĝin malfermi, certe li estus batita de malantaŭe, li do turnas sin denove, preterlasas Saburobjoe'n kaj, suprensaltinte en la ĉambron denove, estas forkuronta tra la glitpordo, kiam lia mano okaze tuŝas kandelabron tie starantan. Guste tiam Saburobjoe atingas lin kaj donas al li negravan grataĵon sur lia ŝultro.)

*Iĉikuroo.* Ha! (Ekkriante en teruro, senkonscie ĉirkaŭsvingas la kandelabron en sia mano. La kandelo estingiĝas kaj, lumigata nur de lunradioj, la sceno fariĝas mallumeta.)

*Saburobjoe.* Hundo! Ĉu vi levas la manon kontraŭ via sinjoro, fripono! (Atakas lin pli furioze ol antaŭe. Ili sin ĵetegas unu sur la alian sovaĝe kelkajn fojojn. Persekutita tre apude, Iĉikuroo nun estas en danĝero. La pinto de la glavo de Saburobjoe fine ekbatas lian vizaĝon apud la orelo.)

*Iĉikuroo.* Ho! (Kun krio de konsterno, li turnas



Sándor Nagy: *Majstro, kie vi loĝas?*

